XXVI-a jaro. — N° 357 (5). Monata Majo 1930.

ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

Fondinto : H. HODLER. Redaktoro : D-ro Edmond PRIVAT. Direktoro de UEA : Hans JAKOB.
ADRESO DE LA REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO : 1, Rue de la Tour de l'Ile, Genève.

ENHAVO: 

# La modernaj lingvoj

Antaŭ kelka tempo ni represigis la spritan plendon de franca ĵurnalisto, kiu vidis jam eĉ Parizon minacata je invado de l'angla lingvo per amerikaj sonfilmoj. Ni ŝatus ekscii la nunan opinion de tiu ĉarma verkisto post pluraj monatoj de sperto.

Efektive sur la flugiloj de la nova eltrovaĵo, la usona lingvo komence eksonis tra tuta Eŭropo kaj ni povis jam kredi, ke nia malnova kontinento estos baldaŭ devigata vole — nevole akcepti la mondregon de l'Hollywooda dialekto.

Sed, same kiel okazis antaŭe sur la flugiloj de radio, tiu subita almilitado de la angla lingvo ricevis subitan haltigon kaj suferis seriozan malvenkon. Malgraŭ la plej granda bonvolo de la publiko kaj plej fidelaj rememoroj el lernejo, tiu sinsekvo de unusilabaj vortetoj zumas neklare al oreloj de fremdaj aŭdantoj kaj fakte ne sukcesas.

Kontraŭe la germanaj sonfilmoj, en lingvo pli ĉarpentita, trovas ĉiam pli vastan ŝaton de ceteraj popoloj, ankaŭ eble pro la pli realista filmarto kaj pli alta tekniko, kiu ŝajnigas iom tro teatra kaj sukeraĵa la Hollywoodstilon.

Rigardante la vesperprogramon en la ĉiutagaj ĵurnaloj de Eŭropo, la supre aludita ĵurnalisto trovos eksterordinaran kreskon de la germana lingvo anstataŭ la angla en la kinematografejoj, tiu ĉefa nuna lernejo de la popoloj.

Eble tio ne konsolos lin pri la franca lingvo, sed almenaŭ montros al li halton en la triumfa antaŭenmarŝo de l'angla. Seriozan konkuranton ĝi renkontis survoje.

Kio ĝenis ĝis nun la germanan lingvon, tio estis ĝia malfacila gramatiko, prikantita de Mark Twain en fama libro. La plej genia negermana filozofo hontiĝas kiel ruĝvanga knabineto ŝanceliĝante en prelego inter *der*, *die*, *das* antaŭ ĉiu substantivo ne tre kutima.

Sed, kiam vi sidas en mallumo sur komforta brakseĝo kaj aŭskultas vienan kantiston, kiu gaje prenas sur sin la tutan turmenton, tiam la afero vere simpliĝas kaj ekzistas almenaŭ sufiĉe da silaboj en ĉiu vorto por ke vi kaptu ion, se ne ĉion.

La barometro de lingvoj iras kaj venas supren kaj malsupren laŭ tre interesaj movoj. Antaŭ la milito la franca lingvo estis ankoraŭ la internacia diplomata. Post Versailles la angla regis la novajn tutmondajn instituciojn, escepte en solenaj paroladoj, kie la franca defendis sian kampon sukcese.

Ŝajnis kvazaŭ nova anglo-franca *condominium* eterniĝos. Kaj jen alvenis radio kaj sonfilmoj, kiuj aperigis fortan trian konkuranton : La germana. Dume, en komercaj rilatoj, pli kaj pli kreskis la rolo de la hispana, komuna lingvo de dudek respublikoj en la sola kontinento ankoraŭ libere malfermata al migrado.

Antaŭ nelonge kunsidis en Eton nacia konferenco de britaj lernejestroj. Enketa komisiono raportis tie pri la nesufiĉa preteco de anglaj junuloj por komerca konkurenco kun ceteraj landoj. Speciale oni akcentis la mankon pri lerno de fremdlingvoj.

La raporto konstatis, ke lastan julion 54.300 kandidatoj prezentiĝis al ekzamenoj pri franca lingvo, 23.600 pri latina, 3.800 pri germana kaj 700 pri hispana. La enketo insistis pri la fakto, ke la germana kaj hispana lingvoj fariĝis nun tiom necesaj kiom la franca kaj proponis diversajn ŝanĝojn en tiu senco.

En la Franca Parlamento okazis preskaŭ samatempe granda diskuto pri favorigo de la hispana lingvo prefere al angla, almenaŭ en la suda parto de la lando. Ĉio tre interesa kaj observinda.

La homaro do marŝas al pli kaj plia bezono de paroliloj por respondi al progreso de la materiaj komunikiloj. Baldaŭ niaj infanoj devos pasigi la plej grandan parton de sia juneco por lerni la saman vorton en tri aŭ kvar lingvoj krom la gepatra. Ili fariĝos admirindaj papagoj kaj trovos postenojn de hotelpordistoj en la turistaj regionoj, sed kion ili fakte kaj profunde scios pensi kaj kompreni, ne nur ripeti kvarlingve ? Jen la tuta demando.

Intertempe ni konstatas de dekmiloj da praktikaj homoj solvis tiun problemon por si uzante Esperanton por siaj Kongresoj, vojaĝoj kaj korespondo post kelkmonata lernado. Solvo tro simpla por oficialaj enketoj, ĉu ?

Edmond Privat.

# OKCIDENTO KAJ ORIENTO

## Virinoj en Azio

« Ĉiu kontinento en la mondo havas siajn propajn diferencigajn ecojn. Eŭropo — Azio — Ameriko — kiom diversajn sentojn ili kaŭzas en niaj mensoj! Azio, kiu entenas pli ol duonon de la homaro, estas tute malsama ol Latina aŭ Teŭtona Eŭropo, ankaŭ ol futurista juna Ameriko. Ĉiu havas sian donacon al la mondo. Ĉiu devas konservi sian individuecon por riĉigi la homan unuecon.

La vorto « oriento » plej bone esprimas la kvalitojn de Azio. Ĝi elvokas kvietecon, simplecon, kampkulturon prefere al industrio, artojn kaj metiojn prefere al fabrika produktado, komprenon pri la tempo etendiĝanta malantaŭen kaj antaŭen dum miljaroj, ĉiam viglan senton pri la mondo de la spirito (interpenetranta tiun ĉi mondon de la videblaĵoj) malriĉecon, suferon, ekvilibron, paciencon, pacon.

En la ekstremoj je honoro kaj je sklaveco de siaj virinoj, Azio estas unu. En sia respekto al la familio, en siaj esperoj pri la nuno kaj la posto, en siaj infanoj, en siaj edziĝkodoj, en sia analfabetismo, en sia hodiaŭa revekiĝo, Azio estas unu.

Ĝi havas ion por diri pri la sankteco de vivo, pri la rolo de virino kiel nutrantino de la raso, pri idealoj de arto, pri filozofio kaj spiriteco laŭ vidpunkto kompletiga al tiu de ceteraj kontinentoj.

Neniu reprezentas tiun orientan kulturon pli fidele kaj pli aŭtentike ol ĝiaj virinoj. Sed Ĉininoj vidas pli ofte Usonaninojn ol Burmaninojn, Hindinoj scias pli multe pri Anglinoj ol pri Arabinoj aŭ Afganinoj. La ondoj de okcidenta influo alfluas el ĉiuj flankoj al la orienta virinaro. Ili modernigas Japanujon. Ili atingas turkestanajn virinojn. Ili almilttas Hindujon.

Por elekti tion, kio estas esenca kaj taŭga por Azio el tiu vigla vivo, necesas povo, nur saĝe gajnebla, se *Azio kiel Azio* kunvenas por ekzameni sian propran kvalitaron kaj esplori siajn proprajn elementojn de civilizo.

Kiamaniere la pozitivaj ecoj de Azio povas esti savataj? Per kunigo de la plej zorgemaj gardantinoj de ĝia hejma vivo, ĝiaj virinoj, por ke ili povu diskuti siajn kulturproblemojn, pli bone kompreni la kaŭzojn de siaj fundamentaj diferencoj kun alilandaj virinoj, pli kapabliĝi al solvo de malfacilaĵoj, pli ĝuste taksi la valoron de interŝanĝoj kun aliaj landoj, pli profunde realigi la interhoman rilatecon kaj tiel plifortiĝi por savi la pacon de l' mondo.

Estas necese, ke ili renkontiĝu amike por konscii pri sia komuna heredaĵo kaj pri la spiritaj ecoj kun kiuj ili povas servi al homaro. La virinoj de Hindujo jam spertis la grandan inspirforton kaŭzitan per kunveno el ĉiuj partoj de la lando. Ili spertis la potencon de unuigita servado por la bezonoj de Hindujo.

La virinoj kunvenintaj ĉe la Pan-Pacifika Virina konferenco en Honolulu interplektis la manojn de Okcidento kaj Oriento. Eŭropaj virinoj pli ol unufoje ĝojis pri sia solidareco. Amerikaj virinoj kontaktis el Sudo kaj Nordo ĉe sia Panamerika konferenco... sed Azio ankoraŭ malfruas en sia konscio pri propra unueco.

Ĉu Bharatamata, patrino Hindujo, la baptopatrino de Aziaj kulturoj, la renkontejo de Islam el Okcidento, de Arianoj el la Nordo, de la Budhismo revenanta el Oriento, ĉu Hindujo ne povas alvoki Aziajn virinojn al si por familie ekzameni siajn orientajn kvalitojn kaj malkvalitojn; organizi sian servadon al si kaj al la mondo; plifortigi unu la alian per interkompreno, per lerno pri faktoj, per interŝanĝo de spertoj; kuraci sian analfabetismon, altan mortciferon, infanpereadon, malegalan nacian staton?

Tia unniĝo estas ebla inter Japanaj, Koreaj, Ĉinaj, Burmanaj, Hindaj, Afganaj, Tibetaj, Arabaj, Persaj, Turkaj, Hebreaj kaj aliaj aziaj virinoj, se oni dissendos bravan, fortan kaj malegoistan alvokon. Per tia konferenco de Aziaj virinoj, pli facile ol per iu alia rimedo estos eble valorigi por servado al homaro la orientajn ecojn: Spirita konscio, respekto al familio, sankteco de patrineco, kvietiga simpleco, feliĉo en malegoista helpado. »

***

La ĉi supra alvoko aperis en hinda gazeto *Janmabhumi* por anonci kongreson de Aziaj virinoj en 1931. Por informoj sin turni al Mrs. Cousins, Womens Indian Association, Pantheon Gardens, Egmere, Madras (Hindujo). En kiu lingvo okazos tiu konferenco? Ĉu la organizantinoj jam pripensis tion? En la Pan-pacifikaj konferencoj de Honolulu, pluraj Ĉinoj kaj Japanoj jam proponis Esperanton. Por ili ĝi estas ja « Okcidenta » lingvo, sed ĝi almenaŭ estas neŭtrala kaj egaleca, krom facila.

---

## Hinduismo pri bovinoj

Estas konate ke Hinduismo instruas respekton al bovinoj. Eĉ multaj malfacilaĵoj inter Hinduoj kaj Mahometanoj en Hindujo venas de la fakto, ke la unuaj ne povas toleri, ke la duaj mortigas kaj manĝas bovajn bestojn. Tamen Hindua gvidanto kiel Gandhi riproĉas sian popolon, ke ĝi kulpigas tro facile alireligianojn anstataŭ unue esplori ĉu mem ĝi montras praktike sian amon al bovinoj. Jen kion li skribas pri ĉi tiu temo:

« La centra fakto de Hinduismo estas la protekto al bovinoj. Tio estas por mi unu el la plej mirindaj fenomenoj en la tuta homa evoluo; ĉar ĝi gvidas la homan estaĵon trans lia propra speco. Por mi la bovino signifas la tutan subhoman mondon. Per la bovino la homo estas invitita kompreni sian identecon kun ĉio vivanta.

Kial la bovino estis elektita por apoteozo, tio estas al mi evidenta. La bovino estis en Hindujo la plej bona kunulo. Ŝi estis la donantino de abundo. Ne nur lakton ŝi donis, sed ankaŭ ebligis terkulturon. La bovino estas poemo pri kompato. Oni legas kompaton en tiu milda besto. Ŝi estas kvazaŭ « patrino » por milionoj el hinda homaro.

Protekto al bovino signifas protekton al la tuta muta kreitaro de Dio. La malnovtempa vidulo, kiu ajn li estis, komencis en Hindujo per la bovino. Des pli forta estas la voko de la suba kreitaro, ĉar ĝi estas senparola. Bovinprotekto estas la donaco de Hinduismo al la mondo; kaj Hinduismo vivos tiom longe, kiom ekzistos Hinduoj por protekti la bovinon.

Al Hinduoj estas rekomendate protekti la bovinon per mempurigo kaj sinofero. La nuntempa bovinprotekto degradiĝis al konstanta batalado kun Mahometanoj, dum la vera bovinprotekto signifas gajni Mahometanojn per amo nia.

Amiko Mahometana sendis al mi antaŭ ne longe libron kun detaloj pri niaj malhomaĵoj kontraŭ la bovino kaj ŝia idaro: Kiel ni sangigas ŝin por tiri ĝis lasta guto de lakto el ŝi; kiel ni ŝin malsatigas ĝis skeletiĝo; kiel ni mistraktas bovidojn; kiel ni senigas ilin je la rajtaĵo je lakto; kiel kruele ni agas je bovoj; bovoj; kiel ni kastras ilin, batas ilin troŝarĝas ilin.

Se ili posedus parolkapablon, ili atestus pri niaj krimoj kontraŭ ili kaj hontigus nin antaŭ la mondo. Per ĉiu kruela ago

kontraŭ nia brutaro ni malkonfesas Dion kaj Hinduismon; mi ne scias ĉu ie ajn en la mondo la kondiĉo de la brutaro estas tiel malbona kiel en malfeliĉa Hindujo.

Ni ne rajtas riproĉi Anglojn pri tio; ni nerajtas eĉ preteksti nian malriĉecon por nin defendi. Krima neglekto estas la sola kaŭzo de tiu mizera stato de nia brutaro. Kvankam niaj bovinejoj respondas al nia kompatema instinkto, ili tamen estas mallerta aplikaĵo. Anstataŭ esti modelaj lakto-farmejoj kaj utilaj naciaj institucioj, ili estas nuraj ejoj por ricevi kadukan brutaron.

Hinduoj estas juĝataj, ne laŭ sia korekta kantado de sanktaj tekstoj, ne laŭ siaj pilgrimadoj, ne laŭ siaj akurategaj konformiĝoj al regularo de kasto, sed laŭ sia kapableco protekti bovinon. Kvankam ni konfesas la religion de bovinprotekto, ni sklavigis la bovinon kaj ĝian idaron, kaj ni fariĝis mem sklavoj.»

## Kastoj en Hindujo

Hinduismo kredas je transmigrado de homaj animoj de vivo al vivo. La leĝo pri *Karman* instruas, ke agoj havas sian rezultaton en sinsekvaj naskiĝoj kun sorto influata de antaŭaj emoj. Tiamaniere animoj suferas aŭ progresas de spertoj al spertoj.

Ligita kun tiu kredo estas la severa respekto je kastoj, t.e. familiaroj, kien homoj naskiĝas laŭ sia evolua grado. Kunmanĝi aŭ edziĝi oni rajtas nur interne de sia kasto. Kiu malrespektas tion riskas forfalon en la tre mizeran kaj socie danĝeran staton de senkasteco.

La tempo kreis abundecon da kastetoj kaj subkastoj, sed nur ĉefajn dividojn ni atentos por resti sur ĝenerala kaj klare komprenebla kampo. Pri historia deveno de kastoj en Hindujo ekzistas hodiaŭ du ĉefaj hipotezoj de scienco, unu rasa kaj unu profesia. Iuj do supozas, ke tio estis memprotekto de invadintaj Arianoj kontraŭ sangomikso kun pli fruaj nigraj loĝantoj de la lando. Aliaj prefere supozas, ke ĝi estas trimiljara restaĵo de profesiaj klasoj. Oni parolas hodiaŭ pri raciigo de laboro en okcidenta industrio. Povas esti, ke jam antikvaj Arianoj spertis la forton de fakeco kaj eĉ hereda fakeco. Eĉ kredante je transmigro de l'animoj, ili povis konstati avantaĝon por animo naskiĝi en familiaron, kie la homa korpo kaj cerbo kutimiĝis jam de generacioj al simila okupado kaj lertiĝis en la fako.

Ankaŭ Okcidento scias pri pedagogia, aŭ politika, aŭ militista, aŭ komercista, aŭ terkultura heredita lerteco.

En Hindujo supre staras la *Brahmanoj*, la naskitaj intelektuloj, kiuj gvidis la popolon jam de miljaroj. Inter ili estas ne nur pastroj, sed profesoroj, pensuloj, artistoj, scienculoj, k.t.p.

Due venas la *Kŝatrijanoj*, kiuj prezentis la militistan kaj registan aristokrataron; trie la *Vajŝjanoj*, komercistoj aŭ kulturistoj; kvare la *Ŝudranoj*, laboristoj kaj servistoj; fine la eksterkastuloj aŭ *paria* - uloj, kiuj staras tute malsupre kaj mizere. Oni nomas ilin « subpremitaj klasoj » aŭ « netuŝeblaj », ĉar efektive eĉ ilia ombro povas ofendi aŭ malpurigi kastanojn, kiuj vidas en ili punitojn pro pekoj.

Tie la dogma tradicio subtenis kaj eĉ pliakrigis ekonomian fenomenon de klasoj, konstateblan tra la tuta mondo sub diversaj formoj.

Kontraŭ la maljustaĵo al subpremitaj milionoj da homoj kaj kontraŭ la superstiĉo pri « netuŝebleco » kompreneble protestas kaj batalas ĉiuj grandaj hindaj reformantoj. Jen kion skribas Gandhi en artikolo pri « Hinduismo » 6. Oktobro 1921:

« Mi neniam povis akcepti la « netuŝeblecon ». Mi ĉiam konsideris ĝin kiel miskreskaĵon. Estas ja vere, ke ĝi devenis al ni jam de generacioj, sed ankaŭ tiel okazis pri multaj malbonaj kutimoj ĝis hodiaŭ. Mi hontus pensi, ke dediĉo de knabinoj al kvazaŭa prostituado povus esti parto de Hinduismo. Tamen ĝi okazas diversloke en Hindujo.

Mi konsideras kiel pozitivan malreligiaĵon oferi kaprinojn al Kali kaj mi ne konsideras tion kiel parton de Hinduismo... Religio kiu instruas respekton al bovinoj nepre ne rajtas konsenti aŭ permesi kruelan kaj malhoman bojkotadon al homaj estaĵoj. Kaj mi ŝatus esti ŝirata en pecojn prefere ol malsolidariĝi de la subpremitaj klasoj.

Hinduoj certe neniam meritas liberecon kaj ankaŭ ne gajnos ĝin, se ili permesas sian noblan religion senhonoriĝi per konservo de tiu makulo: « netuŝebleco ». Ĉar mi amas Hinduismon pli kare ol vivon mem, tiu makulo fariĝis por mi netolerebla pezo. Ni ne konsentu nei Dion mem rifuzante al unu kvinono de nia raso la rajton je kunvivado en plena egaleco. »

La lastaj dek jaroj okazigis energian kontraŭbatalon al tiu superstiĉo de « netuŝebleco ». En ĉiuj urboj kaj vilaĝoj, kie li alparolis popolamasojn, Gandhi unue postulis forigon de la ŝnurego apartiganta la lokojn rezervatajn al kasta kaj « netuŝebla » aŭdantaro. Antaŭ ol komenci kunvenon, li petas la aŭdantaron voĉdoni, ĉu ĝi konsentas forigi la barilon. Se ne, li mem iras en la mezon de la « netuŝebluloj » kaj faras sian paroladon nur por ili. Plej ofte la aŭdantaro akceptas lian vidpunkton. Tiam la superstiĉuloj ekvidas, ke nenio malbona okazas al ili, se ili kunsidas aŭ kunstaras kun senkastanoj. Tiamaniere iom post iom la kutimo venkiĝas.

Ofte Gandhi deklaris, ke li ŝatus « ne plu naskiĝi », sed ke, se li devos ankoraŭ, tiam li dezirus naskiĝi kiel unu el la senkastanoj por suferi kun ili kaj kunbatali por ilia liberiĝo. En sian hejmon li adoptis « netuŝeblan » orfineton edukatan kiel propran infanon.

Per tiu insistado li sukcesis akceptigi al grandaj organizaĵoj, ke ili enmetu en sian programon la batalon kontraŭ tiu antaŭjuĝo. Siaflanke la senkastanoj ankaŭ ekagas mem. En diversaj urboj ili postulis eniron aŭ pasrajton en publikaj lokoj antaŭe fermitaj al ili. Okazis pacaj bataloj per pacienca sieĝado kaj starado sub suno kaj pluvo ĝis oni cedis.

La rapida malapero de tiu miljara malbonaĵo estos unu el la plej gravaj historiaj ŝanĝoj de la dudeka centjaro.

E. P.

 **SCIENCO** 

## La mapo milionona

*De C. B. Fawcett*

La produktado de internacia mapo [1] de la mondo estas plej grava rezulto de la Internaciaj Geografiaj Kongresoj. Ĉiuj folioj de tiu ĉi mapo estas similaj rilate al formo kaj metodo de prezentado, por ke estu facile ilin legi kaj kompari. Kaj la mapsimboloj oficialaj estas vere internacia lingvo geografia, interkonsentata de la kvindek ŝtatoj koncernaj.

La proponon pri tiu ĉi mapo faris D-ro A. Penck tiama profesoro en Vieno, dum la Internacia Geografia Kongreso ĉe Bern (Svislando) en 1891. La kongreso tuj aprobis ĝin; kaj la projekto multe interesis la membrojn kaj la societojn aŭ registarojn, kiuj ili sendis. Ĝi estas prilaborita de sekvantaj kongresoj. Kaj la projekto iĝis efektiva, kiam dekunu registaroj sendis delegitojn al la unua oficiala kunveno pri la internacia mapo, kiu kunvenis en Londono en 1909 laŭ invito de la Britlanda registaro. Tiu kunveno konsentis pri la skalo, la limoj de folioj, la mapretaĵo, kaj la ĝenerala formo de la mapa simbolaro. De la ŝtatoj reprezentataj, ok prenis sur sin la taskon fari foliojn eksperimentajn de la mapo proponata. Kaj tiaj unuaj folioj aperis en 1913. En la sama jaro, la dua oficiala kunveno sin trovis en Paris laŭ invito de la franca registaro, kaj tridek kvin ŝtatoj sendis delegitojn. Tiu ĉi kunveno konsideris la eksperimentojn faritajn kaj la sperton akiritan; kaj ĝi decidis pri la

[1] Mapo = landkarto.

formo de la oficiala mapo kaj starigis centran oficejon. De tiam la formo estas ŝanĝita nur en malmultaj tre malgrandaj detaloj.

La milito interrompis la laboradon. Sed ĝi donis grandegan stimulon al mapfaro en la militantaj ŝtatoj. Dum la milito, kaj la jaroj sekvintaj, nombro de provizoraj mapfolioj estis elfarata laŭ la projekto, escepte rilate al malmultaj detaloj de prezentado. Poste, en 1921, la sekretario de la centra oficejo, laŭ brita sugestio, rekombinis la membro-ŝtatojn kun malmultaj esceptoj kaj raportis al ili pri la stato de la afero. Iaj pluaj detaloj estas deciditaj ĉe la Internaciaj Geografiaj Kongresoj de 1925 (en Kairo) kaj 1928 (en Londono). La lasta ankaŭ aranĝis por la vendo en la kvindek ŝtatoj aliĝintaj.

La skalo de la mapo estas unu al miliono, tio estas milionono, de kio la nomo. Ĉiu folio prezentas eron de la surfaco de la terglobo, kiu etendiĝas tra kvar gradoj de latitudo kaj ses gradoj de longitudo, escepte ke ekster latitudo 60° estas permesata etendi en longitudo per kombino de du aŭ tri folioj. La folioj estas nomataj per sistemo de latinaj literoj kaj numeroj arabaj en kio (a) la litero N aŭ S indikas pozicio norda aŭ suda el ekvatoro, (b) la vicoj, ĉiu de 4° latitude, estas montritaj de literoj de A al V el ekvatoro al 88°, kaj la polusaj areoj de la litero Z. (c) La sektoroj, ĉiu de 6° longitude, numeriĝas oriente de la meridiano 180° de Greenwich de 1 al 60. Ankaŭ la folio portas la nomon de la plej grava urbo aŭ de alia grava elstaraĵo geografia sur ĝi, kaj la geografiajn koordinatojn de ĝia mezpunkto: ekzemple, la sama folio estas (1) NK35, (2) Istambul (Konstantinopolo), (3) N.42°, E. (orienta) 27°. El la tri metodoj la unua estas tute afero de interkonsento; sed la dua kaj tria estas pli klara, kaj la tria estas la plej preciza. Ŝajnas, ke la unua nenecesas, kvankam ĝi estas oficiala.

Ĉirkaŭ mil folioj estos necesaj por montri la tutan landsurfacon. Sed de tiuj ĉi mil, preskaŭ cent montros areojn de kiuj tre malgranda parto estas lando. Tial naŭcent estas la nombro necesa. La nombro fakte eldonita ĝis fino de la jaro 1929 estas 282.

Inter tiuj ĉi estas multo da folioj provizoraj, de tipoj similaj al tiuj de la oficiala internacia mapo milionona, farita de diversaj aŭtoritatoj. Inter tiuj ĉi estu nomataj la Reĝa Geografia Societo de Londono, la Amerika Geografia Societo de New York, kaj la Inĝeniera Societo de Rio de Janeiro, krom la map-fakoj de kelkaj ŝtatoj.

La mapo fariĝas sur multakonusa retaĵo. La limoj de la folioj estas meridianoj kaj paraleloj latitudaj, kaj ĉiu folio precize sidas kun ĉiu najbara folio. La distancoj kaj areoj estas ĝeneraraj laŭ la ordinaraj mezuroj de okulo nearmita, spite la rondformo de la globo. La koloroj estas normigitaj en difinita sistemo. Ankaŭ la simboloj kiuj montras vojojn, fervojojn, urbojn, limojn, k.t.p., estas normigitaj. Sur ĉiu folio la klarigo de simboloj devas esti presita en unu de la tri lingvoj, angla, franca, germana, krom ia alia lingvo laŭvole de la eldonanto.

La Centra Oficejo estas ĉe la « Ordnance Survey Office », en Southampton. Ĝiaj funkcioj estas kroniki la progreson de la afero, raporti regule aŭ laŭ demando al membraj registaroj, kaj servi kiel informcentro. Ĝi ne estas agento por vendo aŭ eldono. En ĉiu membroŝtato (nun 52) la regna mapfako konsentis agi kiel eldonisto por siaj propraj mapfolioj, kaj kiel agento por vendo de ĉiuj folioj de la oficiala mapo internacia. Tial, iu, kiu deziras havi iun ajn folion, devas sin turni al la ŝtata mapoficejo de sia propra lando. La prezo estas po kvin frankoj svisaj, aŭ simila rondsumo en nacia mono, por ia folio.

Enkalkulante la foliojn provizorajn, t.e., neoficialajn, la mapo estas nun havebla por la plimulto de la landoj loĝataj, escepte estas la nordaj, orientaj, kaj centraj partoj de Azio kaj pligrandparto de Nordameriko. Ĝi estas la plej grava materia rezulto de la internacia kunlaborado geografia, ankaŭ grava bazo de internacia interkompreniĝo.

# Aviado kaj Prahistorio

Antaŭ nelonge nia gazeto publikigis kelkajn paĝojn el ĉarma fantaziaĵo de Jerome K. Jerome: « Malvina of Britanny ». Temis pri juna angla aviadisto, kiu alteriĝas el aeroplano sur dezertan ebenaĵon de franca Bretonujo dum lunbrila nokto. Ĉe unu el tiuj strangaj prahistoriaj monumentoj el starantaj ŝtonegoj li renkontas surprize en blanka robo ĉu feinon, ĉu forkurintan knabinon? Tion la sprita novelo rakontas.

Nun venas, denove el Anglujo, alia rakonto pri aviado kaj prahistoria monumento. Tiun ĉi fojon, ĝi ne estas romano, sed vera okazintaĵo. Sed unue vi devas iom pli ekscii pri tiaj restaĵoj el kelta tempo aŭ bronzepoko. Paciencetu!

En Britujo estas tre bone konata « Stonehenge ». Ĝi konsistas el ŝtonegoj starantaj ronde kun inkluzivaj pluraj rondoj. Similajn monumentojn oni trovas ĝuste ankaŭ en franca Bretonujo.

Nun, je du mejloj nordoriente de Stonehenge kaj je kelkaj cent metroj de la rivero Avon, alia angla aviadisto, tiam reala kaj aŭtentika, kun karno sur ostoj kaj nome skadronestro Insall, ekvidis sub si dum flugado strangan rondon kun blankaĵoj en la centro, meze de kamparo.

Li fotografis la lokon de supre kaj ofte reflugis tien por observadi. Kiam tritiko estis printempe kreskinta super la kampoj li ne plu dubis, ĉar tiam aperis nete kvin aŭ ses inkluzivaj rondoj da makuloj kvazaŭ el kalko.

Baldaŭ oni fosis la teron tie kaj forprenis ĝin, lasante nur la nudajn kalkaĵojn elstarantaj. Tiam oni povis retrovi la tutan planon de antikva forgesita monumento, simila al Stonehenge, sed kun unu ĉefa diferenco. La formo de la truoj montris, ke ne povis temi pri ŝtonaj, sed nur pri lignaj iamaj staraĵoj. Laŭ analizo de trovita karbo en la tero, ili ŝajnis esti el pino kaj el kverko.

Kvankam tiuj kampoj estis konstante kulturitaj dum la lastaj centjaroj, la tuta desegnaĵo restis rimarkeble retrovebla. Entute estas ses samcentraj rondoj da truoj, aranĝitaj iom geometrie. Tiu en la centro estas ovoforma kaj la ceteraj pli kaj pli rondformaj. La rondoj havas respektive 12, 18, 16, 32 kaj 60 truojn. Tiuj de la deksesopa estas pli larĝaj.

Preter la plej ekstera rondo ekzistis fosejo, preter ĝi ebena platformo kaj preter tio altaĵo, parte ebeniga pro konstanta kulturado. Sed, krom la jam nomitaj truoj ekzistas ankoraŭ aliaj: unu kuŝas en tia pozicio, ke ĝi signis vidopunkton al leviĝanta suno somermeza, alia ŝajne montras la direkton de vintra sunkuŝiĝo, tria rilatas al ekvinokso, kvara signas sudon. Alia truo interne de la centra rondo entenas tombon kun skeleto de trijara infano kun fortranĉita kranio. Tio indikas eble oferan aŭ dediĉan enterigon. En la fosejo kuŝis junula skeleto. Diversaj iloj kaj poteroj estis ankaŭ trovitaj, kiuj supozigas, kiel verŝajnan tempon, la komencon de la meza bronzepoko.

La lokon aĉetis gesinjoroj Cunnington kaj ĉirkaŭŝirmis ĝin per barilo. En la truoj ili starigis cementajn cilindrojn malalte, nur por igi la tutan planon konstante videbla, kvazaŭ ankoraŭ aperus iom el la lignaj trunkoj. Estas intencite donaci la kampon al iu publika organizaĵo.

S-ino Cunnington, kiu gvidis tiun gravan arkeologian laboron kun sia edzo, nun eldonis ilustritan kaj teknike detalan verkon pri ĝi: « Woodhenge », (Simoson and Co, London). La libro entenas priskribon de la homaj, bestaj kaj artaj trovaĵoj deper Sir Arthur Keith, D-ro Jackson, S-roj Kennard, Woodward kaj aliaj.

La nomon « Woodhenge » proponis mem la fosistoj pro ilia konvinko pri *ligno* anstataŭ *ŝtono* kiel en Stonehenge (Angle wood = ligno). S-ino Cunnington subtenas tiun ĉi hipotezon, ke la ligna monumento estas pli malnova ol la ŝtona, du mejlojn

apude, kaj eble servis kiel modelo por ĝi pro diversaj similaĵoj kaj geometriaj plibonigoj en la lasta.

Ĉiuokaze tio estas grava dokumento por ĉiuj fakscienculoj kaj helpos riĉigi la diskuton pri tiuj prahistoriaj monumentoj, ĉu ili estis tombejoj aŭ ofer-altaroj aŭ ambaŭ kune.

Fine, kaj ne malplej notinde, tio estas ja pli homa utilo de l' aeroplanoj ol por militaj celoj. En tiu ĉi okazo vere valoris « de supre rigardi ».

**Kelkaj vortoj**

La bretona, kimra, irlanda, gaela, kornvala kaj mana lingvoj estas la lastaj restaĵoj de la komuna pralingvo de la keltoj. Ili konservis similajn nomojn por la prahistoriaj monumentoj.

*Menhir* (kimre, *maen* = ŝtono, *hir* = longa) signifas izolitan ŝtonon sur pinto starantan.

*Kromlek* (gaele, *crom* = kurba, *leac* = signoŝtono) signifas rondan aŭ aliforman aron da tiaj ŝtonoj.

*Dolmen* (bretone, *dol* = tablo, *men* = ŝtono) signifas tiajn ŝtonojn ligitajn per superkuŝanta horizontala ŝtono formanta tegmenton aŭ tablon.

 **SOCIA VIVO** 

# Instruado pri historio

En la kongreso pri Paco per Lernejo en Praha 1927 kaj poste en tiu de la Tutmonda Federacio de Edukistaj Asocioj en Genève 1929 oni diskutis tiun ĉi temon abunde. Ĉie okazas ankaŭ simile ĉe naciaj edukistaj konferencoj. Kial?

Ĉar senarmigo kaj paco estas neeblaj, se la homoj daŭre lernas jam de l' frua infaneco, ke ekzistas nenio pli bela ol sangaj bataloj kaj milita gloro, neniu pli grava kaj admirinda ol propra nacio, neniu pli kulpa kaj puninda ol la najbaro, k.t.p.

Por ebligi materian senarmigon kaj fizikan sekurecon de la popoloj, necesas labori por venko super militemaj fortoj, ne nur sur ekonomia, sed ankaŭ sur psikologia kampo. En tiuj diversaj kongresoj montriĝis, ke jam grava parto de la instruistaro komprenas sian urĝan devon eduki novan generacion al nova kompreno. Tiun taskon oni foje nomis « Morala senarmigo ».

Laŭ tiu vidpunkto, la modernaj edukistoj rigardas la lernolibrojn pri historio kaj trovas en ili ankoraŭ multe tro da materialo celanta inciti infanojn kontraŭ aliaj nacioj aŭ glorigi militon kvazaŭ solan fonton de virto kaj heroeco en la historio de la lando.

Pri la enketo de S-ro Prudhommeaux por la Carnegie-Fondaĵo ni jam parolis tie-ĉi. En la daŭro de kelkaj jaroj la instruistaj unuiĝoj en pluraj landoj, kiel Germanujo kaj Francujo, sukcesis bojkoti, malaperigi aŭ modifigi lernolibrojn tro malamigajn. Sed multe restas ankoraŭ farota en ĉiuj landoj.

Kompreneble venis ankaŭ reago. Antaŭ nelonge mi legis du diverslandajn artikolojn forte plendantajn pri « sennaciigo » kiel diris unu, kaj « falsigo de la historio » kiel asertis la dua. Ambaŭ kritikoj detruas unu la alian.

Se historio estas rakonto de la vero, ĝi riskas nek naciigon, nek sennaciigon, ĉar la vero estas nek nacia, nek sennacia, ĝi estas... la vero, do la faktoj okazintaj. Sed se historio estas la rakonto de la impresoj pri la faktoj, kompreneble ĝi tuj ricevas koloron.

Nu, ĉar la homaro deziras nun forigi militojn kaj organizi pace la internacian vivon, estus pli logike, se oni deziras koloron, almenaŭ elekti la tutmondan prefere, ol la limigitan, do nure nacian.

Sed kial ĉiam serĉi tendencon? Ĉu ne sufiĉus unue klopodi al la vero por ĝi mem, kiel faras scienco. Nacia vero ne povas esti *la vero*, sed nur unu flanko de ĝi kaj ofte grava eraro kaj eĉ trompo. Kiu kuraĝas paroli pri « falsigo », tiu rigardu kiom abunda ĝi troviĝas en la tiel nomata « nacia historio ».

Do, se instruistoj sopiras al pli da ĝenerala, do internacia, historio, tio ne estas por falsigi, sed kontraŭe por igi pli vera kaj kompleta la rakonton pri la faktoj. Pro tio ili ofte proponas, eĉ internaciajn lernolibrojn verkotajn de diverslandaj scienculoj kaj aprobatajn de ia supera tutmonda komisiono sub Ligo de Nacioj aŭ alie. Tio estus certe malsimpla entrepreno kaj neniu bezonas timi, ke ĝi okazas morgaŭ.

Sed, kial timi? Al kiu povas malutili pli da vero? Nur al tiuj, kiuj utiligas la mallumon por siaj celoj. Al ceteraj ne.

La nura vero montros, ke mia nacio ne ĉiam estis « prava »? Nu, ĉu ankaŭ mi mem estas ĉiam « prava »? Popoloj kiel homoj, dependas de multaj ekonomiaj, geografiaj, psikologiaj kaj aliaj cirkonstancoj. Ilin regis tiu aŭ alia klaso aŭ persono. Neniu el ni estas respondeca pri ĉiuj krimoj de antaŭaj reĝoj aŭ politikistoj de nia nacio. Koran dankon!

Ni do havas nenion por timi. Pri nia « nacia honoro » ni nur diru, ke ĝi valoras malmulte, se *nur ni* kaj ne la najbaroj kredas je ĝi, sur bazo de zorga kaŝado al niaj infanoj pri ĉio malfavora. Pli avantaĝe estos, se historio fariĝos internacia kaj se aliaj popoloj ekscios iom pri niaj utilaj faroj, homoj aŭ kvalitoj, anstataŭ nur pri niaj kulpoj, « atakoj » aŭ « malvenkoj ». Kaj se niaj infanoj samtempe lernos, ke ni suferigis aŭ subpremis ian alian nacion, kiu ankaŭ havas belajn kvalitojn kaj rimarkindan arton, tio povos nur ilin helpi al kompreno pri la reago kaj sekvoj. Nenio timinda en tio, nur gajno ĉie.

Nunaj infanoj eĉ ne kaŝas plu, ke ili bone vidas tiun aŭ alian mankon de la gepatroj. Tamen ili amas ilin eĉ pli karese kaj amike ol iam ajn, ĉar ili komprenas ilin anstataŭ timi. Ankaŭ granda gajno.

Nun pri la dua kulpigo, ke la modernaj edukistoj falsigas la historion volante forpreni el ĝi severe ĉion pri milito. Jen tipa kalumnio, kredeble nura antaŭjuĝo. Kiu skribas tiel neniam legis eĉ unu paĝon pri la temo.

Efektive neniu instruisto pensas pri forigo de aludoj aŭ rakontoj pri militoj. Ili apartenas al faktoj kaj la paco nenion gajnus je silento pri ili, kontraŭe. Necesas rakonti pri militoj kaj montri, kiom ili suferigis kaj detruis. Diri la veron pri ili, jen plej bona instruado al paco.

Sed tio estas alia afero ol ilin priskribi kvazaŭ plezurcirkojn kun nura insisto pri koloraj uniformoj, belaj plumoj sur ĉapelo, riĉaj flagoj, incita muziko, senesceptaj venkoj de propraj generaloj kaj egale senescepta malvenkado de l'kontraŭuloj! Ke niaj lernolibroj pli similis la duan metodon ĝis hieraŭ, kiu kuraĝos nei?

Ankaŭ necesas montri al infanoj, ke militoj ne estis la nura okupado de la nacio, ke dum centjaroj kaj miljaroj la homoj ĉiumatene iris al sia laboro kaj vivis tiel aŭ tiel.

Estas fakto, ke niaj infanoj scias ekzemple, ke Napoleono portis dukornan ĉapelon kaj metis manon en veŝton, dum ili komplete nescias kiamaniere vivis, vestiĝis, laboradis kaj manĝis niaj praavoj tra la diversaj centjaroj.

Ankaŭ nuran profiton gajnos la historio, se ĝi fariĝos instruado de civilizo kaj ne nur de milita gloro.

Nu, povas esti kompreneble, ke tiam la infanoj malpli interesiĝos je militaj aferoj, ke la gepatroj aĉetos por ili malpli da plumbsoldatoj. Eble niaj samideanoj el Nürnberg afable havigos al ni statistikon pri tiu fenomeno. Ni tre dankus ilin pri tio.

Ĉu vi bedaŭros tion? Ĉu vi ne preferos, ke ili ludu per modeloj de nova tekniko aŭ per la eterna pruvo de patrinamo ĉe pupoj? Diru malkaŝe: Ĉu vi deziras vere, ke viajn karulojn oni ne plu sendos iam la buĉado? Se jes, tiam helpu la edukistojn, kiuj laboras por ebligi vian deziron. Se vi volas pacon, preparu ĝin, jam de la komenco.

E. P.

# LITERATURO

## Pri la gramatiko kaj la bonstato

*Humoraĵo de Fr. Milĉinski.*

Pri mia filineto mi jam de longe ne parolis. Ŝi kreskas kaj la vesto fariĝas ĉiam pli moderna, nome tro mallonga. Cetere ŝi estas nun en la aĝo, kiam ne ekzistas kvar — aŭ kvinfolia trifolio ĉe la vojo restante kaŝita. Jam pli ol tridek jaroj pasis, de kiam mi forŝiris la lastan, kvankam kelkfoje ankoraŭ mia serĉanta okulo ŝtelumas sur la verda herbaĵo. Sed nia filineto alportadas ilin hejmen bukede kaj se ŝi estus kaprineto, ŝi povus vivi nur de kvar- kaj kvinfoliaj trifolioj. Nun ŝi pereigas nur la slovenan literaturon. Ĉiuj binditaj verkoj kaj vortaroj estas jam plenplenaj de tiu ĉi verdaĵo.

El la priskribita ŝia rilato al la trifolio estas permesata la konkludo, ke la vidkapablo de nia filineto estas en kontentiga ordo. Sed tamen ŝi mem asertadas, ke ŝi vidas malbone, kaj asertis tion ĉiam, kiam mi instigis ŝin al la fortepiano.

Do influas la fortepiano nefavore ŝian vidkapablon. Sed eble ankaŭ la flarkapablon, ĉar konsekvence ŝi sulkigas la nazon, se ŝi venas proksime al ĝi. Kaj ankoraŭ ŝi plendas, ke ĝi fuŝmiksas ŝiajn fingrojn. Stranga besto tia fortepiano!

Mallonge — fortepianon ne amas nia filineto.

Sed ŝi amas librojn kaj — kio estas plej grave — ŝi amas la lernejon. La lernejo estas la ĉefaĵo! La lernejo estas la fundamento de la homaro kaj entute kaj tiel plu, kiel jam dirite. Kaj mi estis kontenta kaj gaja, kiam mi rigardis, kun kia entuziasmo ŝi iradis en tiun ĉi sian kvaran klason, lernis kaj preparadis siajn taskojn.

Sed okazis, ke ŝi surprizis min, surprizis ĝuste rilate la lernejon kaj neniel agrable.

Mi forestis kelkajn semajnojn kaj estis feliĉa, kiam mi revenis en la kutiman ordon kaj trovis ĉiujn sanaj.

La filineto ĉirkaŭprenis mian kolon kaj mi demandis ŝin, kiel kutime: « Filinjo, kiam mi ne estis hejme por instigadi vin, ĉu vi dume lernis fortepianon? »

« Fortepianon? » ŝi diris kaj ŝiaj okuloj ekbrilis. « Ho, fortepianon' estas substantivo, singularo, akuzativo, fortepiano, de la fortepiano, al la fortepiano, fortepianon, punkto. » Kaj ŝi rigardis min triumfante.

La respondo ne kontentigis min. Estas ja vere, ĝi estis eble ĝusta. Sed ĝi havis malavantaĝon, ke ĝi ne respondis la demandon. Kaj mi diris: « Vi diru al mi, ĉu la fraŭlino estis pri vi ĉe la fortepiano kontenta? »

Denove ekflamis ŝiaj okuloj kaj ruĝiĝis la vangoj: « Kontenta? » ,Kontenta' estas (slovenlingve) adjektivo, virinseksa, ~~maskulino~~ nominativo- » kaj nun ŝi turnis la malfeliĉan adjektivon en ĉiuj tri seksoj, en ĉiuj tri nombroj, aŭ kiom da ili ekzistas, kaj rapidegis: drrrrrrr — ĉe la fino ŝi diris: punkto. Kaj ankoraŭ ŝi almetis: « Vi ne kaptos min! » — Kvazaŭ mi ne demandadus pri la piano, sed kaptludus kun ŝi sur Dio sciu kia herbejo.

Eĉ la tempon ŝi ne lasis al mi por pripensi, kiel alimaniere meti la demandon por veni al la celo, sed ŝi turnis la armilon kaj direktis ĝin al mia brusto: « Nun vi respondu, paĉjo, kiuj estas la pronomoj rilataj? »

Dio, la pronomoj rilataj! Certe ili estas! Ĉu mi neas ilin? Kaj ekzistas da ili pli malpli. Sed oni ne puŝu min tielmaniere per la demando. La homo ja havas nervojn — ĉu ne? Se vi fulmsimile frapas min per la demando, mi mem kompreneble ne povas respondi — eĉ mian propran nomon mi forgesus en la sama momento.

Sed jam ŝi mem respondis anstataŭ mi: « La pronomoj rilataj estas, dupunkto, unue substantivaj, dupunkto, kiu kaj kio, komo, due adjektivaj, dupunkto, kia — kaj tiel plu kaj ŝi ruladis kun fermitaj okuloj drrrrrr, punkto.

Ion similan mi ankoraŭ nek vidis, nek aŭdis, mi forgesis spiri, sed al ŝi kreskis la memkonfido kaj ŝi ordonis: « Paĉjo, demandu min ankoraŭ pri la pronomoj nedifinitaj! »

Kaj denove ŝi ruladis la pronomojn nedifinitajn, dupunkto kaj je la fino punkto, kaj mi ne scias plu, kiujn ŝi nombris pronomojn; mi estis gaja, ke mi memoris tri el la rilataj.

Vere, la afero ŝajnis al mi stranga.

Mi diris: « Knabineto, ĉu tio ĉi ĝojigas vin? »

Ŝi respondis kaj estis en ekstazo pro la ĉiela feliĉego: « Paĉjo, nenio pli bela estas en la mondo ol la gramatiko. »

Apude sidis la edzino kaj la naztruoj montris kontentecon kaj fierecon.

Sed mian cerbon premis zorgo. Ĉu estas regule, ĉu estas nature, ke juna, sana knabineto en la aĝo de dek jaroj tiel senlime entuziasmiĝas pri kazoj kaj pronomoj kaj numeraloj kaj Dio sciu pri kio ankoraŭ, kaj ke la tuta varia mondo ne havas ion por ŝi pli belan ol la gramatiko.

Mi dormis tre malbone tiun nokton kaj la venontan matenon mi iris kaj riverencis la sinjorinon instruistinon.

« Permesu », mi diris, « ke mi havu la honoron, mi estas tiu kaj tiu... »

Afable ŝi premis miajn manojn: « Ĝojigas min », ŝi diris, « tre talentan filineton vi havas ».

« Tro gajige », mi diris, « sed, sed — zorgojn ŝi kaŭzas al mi pro la gramatiko... »

« Ho », ŝi interrompis min, « trankviliĝu, en la gramatiko ŝi sentas sin hejme kiel en la propra ĉemizo. Mi povas gratuli vin. Ĉar ĝuste la gramatiko estas la fundamento por ĉiuj aliaj sciencoj kaj fakoj, tiel dirite la fundamento por la estonteco kaj bonstato. Ĝojigas min, vere ĝojigas min! »

Mi ne kapablis diri alion ol ĝentile danki kaj adiaŭi, kaj ne estis agrable por mi, ke mi sur la sojlo faletis.

Kaj nun mi meditas pri la mondo, gramatiko kaj ŝi mem.

Mi laboris kaj penadis la tutan vivon, jam mi ekgriziĝis, sed pri la estonteco kaj bonstato ĉe mi ne estas ankoraŭ signo — ni opinias, ke tri libroj kaj unu blanka veŝto ankoraŭ ne valoras estontecon kaj bonstaton. Jam oftfoje mi meditis, kio estas la kaŭzo. Kaj nun mi pripensadas, ĉu eble estas la kulpo tio, ĉar mankas al mia estonteco kaj bonstato tiu sufiĉe firma fundamento, kiun menciis la sinjorino instruistino?

Se estas tiel, ĉu estas ankoraŭ tempo, ĉu ne estas tro malfrue kaj ĉu estas entute eble, ke mi dum miaj maljunaj jaroj ankoraŭ plibonigu kaj anstataŭigu mian nesufiĉan fundamenton?

'Fundamenton' — se mi scius, kio estas tio... Pronomo rilata ĝi eble ne estas kaj mi eĉ ne scias, ĉu ĝi estas fleksebla aŭ konjugebla...

Mi provos kun mia filineto. Ŝi amas min, eble ni ambaŭ sukcesos kaj la knabineto instruos min, ke mi tamen ne estos tute kondamnita rilate la estontecon kaj bonstaton.

El la slovena lingvo.

Trad. *Rud. Rakuŝa.*

# LA AŬTOMATO

*De J. T. Kaptein.*

— Ĉu vi volas meti vian nomon, sinjoro?

Tion li aŭdis multfoje kaj ne estas miriga fakto, ke S-ro La Grand ankaŭ nun metis sian nomon kun malafabla mieno, sub granda monkalkulo. Dektri longajn jarojn li estis laboranta en granda Amsterdama bazaro « Bijenkorf » (Abelejo). Dum jaroj li staris malantaŭ la montrotabloj kiel vendisto en la nomita butikego, ĉiam ripetante la frazojn: « Kion vi deziras, sinjoro? »

« Ĉu vi nenion plu deziras, fraŭlino? »

« Ĉu Sinjoroj ne bezonas kravatojn aŭ kolumojn? »

« Ĉu sinjorino eble deziras ankoraŭ ion, bonodoran pudron aŭ sapon? »

En tiuj tagoj li estis devigata iri rapide al la ĉefo por lin peti: « Ĉu vi povas meti vian nomon, sinjoro? »

Post iom da tempo sinjoro *La Grand* (*de Groot* nederlandlingve) altiĝis kaj akiris tiam la taskon kaj devon de la viro, kiu jam subskribis multfoje la kvitancojn kaj kalkulojn.

Nun, jam pli ol sep jarojn sinjoro La Grand mem, kiel ĉefo, subskribis ĉiujn paperojn; se li bone taksas, nu, tiam li metis sian nomon certe milionon da fojoj sub kalkulojn, kvitancojn, paperojn kaj biletojn.

Pli kaj pli li malamis tiun tedan kaj unutonan esprimon: « Ĉu vi povas subskribi, sinjoro? »

Eĉ li malamis sian propran nomon *La Grand*, ĉar li tute ne estas granda laŭ sia opinio.

Tamen poste li aŭtomate subskribis ĉion, kion oni prezentis senscie, sensente kaj eĉ senpripense, do aŭtomate. Ĉi tiu aŭtomata sistemo transiris en la personajn agojn kaj emojn de La Grand.

Eĉ li estis vivanta precize kiel maŝino kaj laboranta sammaniere. La okuloj de la Direktoro altiriĝis al la mekanikeco de la ĉefo kaj denove li altiĝis administranto.

Certe li reviviĝis pensante, ke la malbenitaj frazoj ne plu estos aŭdataj:

— Ĉu vi volas subskribi?, lin ne plu ĉagrenu, feliĉe!

Sed ho, ve!!!

Kiam li sidis nur kelkajn horojn antaŭ la skribotablo, skribistino alproksimiĝis kun amaso da paperoj, demandante: « ĉu sinjoro povas subskribi tiujn? » Kun ĝemo profunda li plenumis tiun devon, metis, metis kaj denove metis sian nomon sur la paperojn ĝis la vespero...

Ankaŭ por sinjoro La Grand alproksimiĝis la tempo, vekiĝi el la mekanika dormado.

Ĉisfine, je ia tago li elvokis: kara ĉielo, mi estas maŝino, senanima sklavo!

Li mem ektremis pro tiu ĉi elvoko kaj tamen konfuziĝanta, ekscitita li estis.

La konscio estis subpremita kaj la animo malsaniĝis. Tuj poste lin kaptis ideo kaj finfine konkludis serĉi vivoĝuon.

Ĉi tiun lastan li trovis en spekulacio kaj hazardludo, tre agrabla kaj sensacia vivo, ne tiel aŭtomata.

Antaŭe li ne sciis ke tiu vivomaniero tiel streĉas la spiriton de l'homo. Li hazardludis tre riske kaj finfine li forlasis la bonan vojon, aŭtomate. Gajninte, li festis kaj trinkis, sed, kiam li estis perdinta multe, li faris la samon por forgesi ĉion.

Tagon post tago li ĉerpis novan kuraĝon, por ke li denove povu ludi pli sukcese.

Dum sia laboro li restis la sama kontoraŭtomato, kiu li estis antaŭe.

***

Li ie loĝis en Amsterdamo apud la rivero Amstel, en beleta domo.

Kiam li je ia vespero... venis hejmen, tiam li forrazis la barb-kaj lipharojn, tinkturis la hararon nigra, metis tutnovan kostumon, surmetis okulvitrojn kaj foriris, kunprenante kofron. Post ĉio ĉi, li iom sekrete eniris sian boateton kaj remis silente aliflanken de la Amstel. Tiam li eliris el la boateto kaj puŝegis ĝin mezriveren en ĝi postlasante la remilojn kaj jakon malnovan.

Tiel ĝi naĝis kiel mistero, kiel orfo en dezerto.,

« Memmortigo... aŭ... akcidento », li murmuris kaj grumblis ridante.

Tiam li prenis la kofron kaj malaperis en mallumo, sed, kun li ankaŭ malaperis — aŭtomate — 750,000 guldenoj... el la monŝranko de la « Bijenkorf ».

---

En malgranda urbo malproksime de Amsterdamo ne estis persono tiel populara kiel S-ro Malgrand (Klein en Nederlanda lingvo) tiel li sin nomas nun. Preskaŭ ok monatojn li estis loĝanta en ĉi tiu urbeto kaj ordinare oni diras: « Li estas komercisto, kiu nun sufiĉe riĉiĝis » kaj li ĉiam estis laŭdata pro sia boneco kaj bonfarado.

Je ia mateno S-ro Malgrand ricevis viziton de simple vestita persono, kiu diris kun iom kamparana dialekto: Ke sanktulo lin sendis al li por, se eble, kolekti monon por rekonstruo de ĉi tiea preĝejeto, montrante liston, sur kiu troviĝis jam kelke da nomoj.

S-ro Malgrand respondis: Kompreneble mi tion faros kun plezuro, transdonante bileton de cent guldenoj.

Estimata Sinjoro, diris la kolektanto, mi treege dankas vin pro tiu granda surprizo, sed, estu tiel bonvola meti vian nomon sur ĝin?

Certe, diris la donacanto, jen...

Post kelkaj minutoj li havis feran katenon ĉirkaŭ la manoj.

Ĉar li estis skribinta: *La Grand.*

---

## Sub la portuĝala suno

*De Saldanha Carreira.*

*Kun dediĉo al Luzo Bemaldo*

*Gitaro ĝemkantas!*
*Sur la Tero*
*la vivo silentiĝas kortuŝata!*
*La plena Luno haltas surprizata*
*en sia lunirado tra l'aero!*

*La ĉarma melodio!*
*La mistero*
*de tia sorĉa nokto!*
*Kaj, amata,*
*profunda paco regas, delikata*
*momento kie ŝvebas sinofero!*

*La vivo ŝajnas bona, similuloj*
*fratiĝas, premas nin la emocio*
*fluanta el la kor' al la okuloj!*

*Milito vere iĝis utopio!*
*Ne plu, ne, la malamo, fikalkuloj!*
*Mi vivas en eterna melodio!*

# Tra la Libraro

**En Okcidento nenio nova. — Du majstronoveloj. — Esperanto kaj Kulturo. — Jarlibro de SAT.**

La jenajn tri verkojn eldonis « Heroldo de Esperanto »; iliaj eksteraĵo, papero, preso, bindo pruvas zorgan laboron ĉe serioza firmo. La du unuaj estas valoraj tradukoj de germanaj verkintoj konindaj, ornamo kaj pliriĉigo por niaj bibliotekoj.

La primilit-libro « En Okcidento nenio nova » sage famigis ĝis tiam nekonatan redaktoron. Ĝi estas presita multmilope kaj tradukita en dudek lingvoj. Estas dube ĉu iu leganto de tiu ĉi gazeto ne jam konas ĝin kaj taksis. Se tamen kelkaj ĝis hodiaŭ nur aŭdis pri ĝi, ili akiru la esperantan tradukon. Ĝin ankaŭ relegu tiuj, kiun jam emociis la originalo aŭ alilingva eldono, ĉu por komparo, ĉu por ekzerco, ĉu por kuraĝigo al eldonisto, ĉu ĉar ni jen havas tian maloftan verkon, kies plurfoja legado estas profita. Kiu feliĉe ne rekte suferis de la teruraĵego havas la homan devon almenaŭ tiom ekkoni ĝin, ĝis nura ebleco de nova milito aperu al ili kiel nenial permesebla krimo. Se la libro estas malgajiga, kruda, kruela, ĝi ankaŭ estas salva, ĉar ĝi kapablas stampi la cerbon per tiu moto trovebla fine de unu ĝia ĉapitro: « Neniam plu tio devas okazi ». Kial inter la multlingvaj militlibroj, tiu ricevis tian favoran akcepton, estis tiel laŭdata kaj ankaŭ akre riproĉata? Ŝajnas ke ĝia ĉefa kvalito estas la sincero, la vero. Povas esti ke S-ro Cru en « Atestintoj » (vidu la artikolon de E. Privat, pri tiu libro en la Aprila numero) ne lokigas ĝin inter la plej akurataj militraportoj; povas esti ke Remarque, kiu ne intencis verki siajn travivaĵojn kaj tion faris nur jarojn post la okazo, ne ĉion precizege priskribas; ni ne postulas de pentristo koloran fotografaĵon, nek de verkisto seneraran protokolon; ambaŭ, artisto kaj aŭtoro, devas elekti, reliefigi, montri la ĉefan, kribri la plej interesan. En tiu elekto kaj aranĝo, kaj pere de simplega stilo, Remarque mirinde sukcesis; la ĉapitroj de lia libro estas, se ne fakte, esence veraj, posedas tiun ne trompeblan akcenton de plena malkaŝemo, de nepra sincereco; certe tiel devis konduti kaj pensi mezaj homoj, abrupte perditaj en la gigantan lukton. Ili kompreneble tiel fariĝis fremdaj al siaj kutima medio; tiel bestiĝis kaj malesperige forgesis pri ĝia vivcelo. Kiu korseke povas vidi tiujn scenojn: pri tiu misĝojo de forpermeso en la familio, pri la flegado kaj mortado en la hospitaloj, pri kamarada sinofero en la tranĉeoj, pri revenĝo al stultaj superuloj? Feliĉe la aŭtoro ne moraligas, ne predikas; el la faktoj mem leviĝas nekontraŭstareble la terura vizaĝo de l'kruela buĉado; kaj ĉefa efiko de l'libro estas sankta nesubpremebla kolero kontraŭ individuoj aŭ sociordo respondaj je tiu nepriskribeblaj suferoj. Cetere, ne la libro mem, sed ĝia traduko devus esti temo de recenzo, kvankam pro intereso de l'legaĵo la spirito sekvas la ideojn kaj iliajn eĥojn, forgesante la frazaron. Nu, tiu traduko estas rimarkinde bona, precipe se oni konsideras ke ĝin faris kvar personoj kaj dum tre mallonga tempo; ofte koncizaj priskriboj de pejzaĝo, esprimo de animstato, vigle rakontita okazaĵeto, surprizas per sia tute trafa formo. La laboro estis nefacila pro la intenca krudeco de l'teksto kaj ĝia soldata ŝlango. Mankas ja ankoraŭ en nia lingvo unuflanke teknika scienca terminaro, aliflanke aro da insultaj, malĝentilaj eĉ maldecaj vortoj, necesaj en certaj okazoj, kiujn ne ĉiam anstataŭas la « fi » aŭ la « aĉ » kunmetaĵoj. En tiu du direktoj, tradukoj, kiel la priparolata, helpas pliampleksigi la esprimpovon de nia lingvo.

El la « Du majstro-noveloj » de Storm, la unua « La Blankĉevala rajdanto » estas la pli longa kaj ankaŭ la pli interesa. Vera romaneto, kiu revivigas la iaman ekzistadon en nordfriza lando dum la dekoka jarcento. La lerta mikso de veraj okazoj kun la superstiĉaj kredoj ĉe simplaj kamparanoj, ilia simpla vivado kaj moraro, la lukto de l'homo kontraŭ la maro kaj la revenĝo de la naturaj fortoj, ĉio tio estigas bildon kun forta karaktero kaj vera originaleco. Malpli heroa estas la dua novelo « Violo trikolora » kiu priskribas la sentojn de dua edzino rilate al sia edzo, al liaj rememoroj pri la unua, kaj la reciprokan sintenadon de knabino kontraŭ sia dua patrino; emocia familia tragedieto inter noblaj animoj. La traduko estas bonega, la stilo facila kaj ĉiel laŭdinda.

*Esperanto kaj Kulturo*, estas traduko de studo aperinta en la oka festlibro « Esperanto ein Kulturfaktor »; la rezonado de l' germana originalo povas esti utila por alilingvaj propagandistoj kaj tial meritas esperantigon. La aŭtoro vice respondas tri kritikojn faritajn kontraŭ Esperanto:

1. ke ĝi estas artefarita, ne vivkapabla kreaĵo.
2. ke ĝi malhelpos la nacian (tie ĉi la germanan) kulturon.
3. ke ĝi ne estas pli ol maŝin-inventaĵo aŭ signara kodo por la homaro progreso.

La traduko estas korekta kaj klara, krom kelkaj frazoj kun la tro inversita turno prave notitaj kiel germanismoj en la Privat'a lingva studo de Januara numero. Ankaŭ kelkaj necesaj sufiksoj pekas kontraŭ la principo de sufiĉo.

15. Aprilo 1930. G. S.

## NOVAJ LIBROJ (1929)

ERICH MARIA REMARQUE: *En Okcidento nenio nova.* El germana lingvo tradukis de Kvar 1929. — Heroldo de Esperanto, Köln. 252 paĝoj, 21 × 14 cm. Prezo: Broŝ.: 5.—; bindita, 7 Germ. Mk.

THEODOR STORM: *La blankĉevala rajdanto. — Violo trikolora.* Tradukita el la germana lingvo de Heino Heitmüller. — Heroldo de Esperanto, Köln. 160 p. 19,5 × 13,5 cm. Prezo: Broŝ.: 2.40, Bind.: 4.— Germ. Mk.

D-RO ROBERT TRÖGEL: *Esperanto kaj kulturo.* Individuo, popolo, homaro. Tradukis J. Schröder. 1929. — Heroldo de Esperanto, Köln. 40 p. 21 × 15 cm. Prezo: 0.80 Gmk.

---

La okan fojon ni ricevas la Jarlibron de Sennacieca Asocio Tutmonda 1920-30, kune en unu volumo. Ĝi enhavas sur 235 × 12 paĝoj ĉiun informon pri la organizo de SAT, ĉefe la alfabetan liston de la lokoj kie estas ĝiaj anoj. La stato de SAT laŭ la landoj indikas, ke je la fino de Januaro 1930 ĝi kalkulis 6329 anojn. Inter ili estas Germanujo kaj Sovetio la plej fortaj, nome 1835 kaj 1987 respektive. SAT havas anojn en 42 landoj. Frapas la okulon la listo de la lokoj, precipe en Germanujo kaj Sovetio, estas 383 por la unua kaj 427 por la dua. Kompare al la modestaj ciferoj de la Esperantista movado, SAT atingis atentindan staton. Kiel novaĵon ni trovis ĉe kelkaj lokoj informojn pri vivkosto, ĉefa industrio, nombro de esperantistoj. Ekzemple sub Bilbao ni vidas, ke estas 550 esperantistoj en tiu ĉi urbo. SAT montras 3 anojn kaj UEA havas 8. Kie restas la ceteraj? Alia interesa detalo en la Jarlibro estas listo de proletaj organizoj, uzantaj Esperanton. Aranĝo praktika, preso klara, eksteraĵo alloga (almenaŭ por ruĝamanto) la Jarlibro de SAT plenumas sian celon « utile servi kaj informi sennacieca Esperantiston ». El la leginda enkonduko de S-ro Lanti ni citas paragrafon, kiu valoras ne nur por SAT anoj:

« Mi avertas, ke vi devas forigi la iluzian esperon, ke SAT estas ia ĉiopova aparato, kiu solvas ĉiujn problemojn. Vi devas forte konscii, ke nia organizo, por bone funkcii postulas de siaj membroj pli ol iu alia. Por esti inda, aktiva SAT-ano, ne sufiĉas esti paginta sian kotizon, k.t.p. »

H. J.

# LINGVAJ STUDOJ

## PRI KUNMETITAJ VORTOJ

D-ro Zamenhof, en siaj unuaj verkoj, uzis la konatajn signetojn por dividi kunmetaĵojn : *Kun'met'aĵ'o'j'n.* Neniu proponas, ke ni revenu al sistemo, uzita nur por helpi komencantojn. Tamen vi certe ĉiuj rimarkis ofte longajn vortojn, kiuj haltigas vian legadon pro nekutimo. Ili devigas vin pripensi, eĉ sekunderon, kaj vi ne ŝatas renkonti multajn en unu linio.

Jen ekzemplo: *neĝersimila.* Sufiĉe bona vorto. Kial ne? Sed, ĉar vi neniam antaŭe vidis ĝin, jen viaj okuloj haltis je *ne* kaj vi ne tuj eliĝas el la sfinksa *ĝersimila.* Kion ĝi signifu? Se la aŭtoro estus afable skribinta *neĝer'simila,* eĉ neniu hezito estus ebla.

Same pri *nervekscito* = *nerv'ekscito* kaj centoj da aliaj. Tre ofte la signeto helpas utile kaj evitas malagrablan haltigon, se ne al ĉiuj, almenaŭ al multaj. En tiu okazo, kial ne uzi ĝin kaj faciligi la vivon al ceteraj homoj? Al presisto ĝi ne kostas pli, al verkisto ankaŭ ne. Kaj la leganto gajnas, do la verkisto sekve.

## PRI KOMOJ

Ĉu ni rajtas peti, eĉ petegi, ke niaj korespondantoj, tradukantoj, k.t.p. afable uzu komojn, kiujn D-ro Zamenhof bonkore enkondukis en nian lingvon tiel malavare? Li uzis ilin antaŭ ĉiu vorteto kiel *ĉu, ke, kiu, kio, kie,* k.t.p. komencante frazeron kun nova verbo. Kopiado, maŝinskribado, kompostado kaj presado jam abunde formanĝas komojn el ĉiu manuskripto. Do, se eĉ ni mem forgesas ilin skribante, kiom restos fine?

Vidu kiel aspektas tiu frazo: « *Demandu kie troviĝas tiu domo kiun aĉetis la urbestraro celante ke ĝi servu kiel biblioteko.* » Metu komojn kaj ĉio glatiĝas: *Demandu, kie troviĝas tiu domo, kiun aĉetis la urbestraro celante, ke ĝi servu kiel biblioteko.*

Estu malavara pri komoj kaj vi meritos nian dankemon.

## « LI TROVIS ĜIN BELA »

Ĉiam la sama demando. Ekzistas ankoraŭ bonegaj samideanoj, kiujn ĝenas tiu forigo de akuzativo ĉe adjektivo predikata. Estas kulpo nia, ĉar ni ne klarigis la aferon sufiĉe trafe.

Cetere klarigoj ĝenerale turnas sin al racio, kio ne lasas en memoro sufiĉe profundan kaj daŭran impreson. Kio pli taŭgas, tio estas ekzemploj kaj kutimo. Bonvolu do afable repensi pri jenaj frazetoj:

*Suno igas blankan paperon flava.*
*Liaj okuloj vidas ruĝan floron verda.*
*Li trovas ĉion belan malbela!*
*Ne kredu ĉion brilan valora!*

Pli bona konstruo estus eĉ:

*Li trovas malbela ĉion belan.*
*Ne kredu valora ĉion brilan.*

La senco de tiuj frazoj ne lasas dubon. Adjektivoj kun la regula akuzativa formo simple priskribas objekton *objektive.* Vi rigardas objekton blankan, aŭtentike blankan, sed pro kolero aŭ pro nigraj okulvitroj, vi trovas ĝin griza. Tio estas ne la realo, sed via juĝo kaj vi scias tion mem.

Fakte la senco de la verbo *trovi* ŝanĝiĝas laŭ tio, se vi uzas unu formon aŭ la alian. Vidu: *Fine mi trovis plumon sufiĉe pintan;* Tie *trovi* signifas *malkovri, eltrovi. Nu: Tiun ĉi plumon mi ne trovas sufiĉe pinta!* tie trovi signifas *juĝi, opinii.*

Kompreneble Esperanto ne bezonus fari tiun distingon. Angla aŭ franca lingvo ne faras ĝin per formo. Vi devas men diveni la sencon per la kunteksto. Sed Esperanto posedas tiun eblecon pro sia akuzativa signo *-n.* Do ĝi uzas ĝin por riĉigi sian esprimaron. Ĝi profitas tiun disponeblecon de du diversaj elekteblaj formoj por esprimi delikatan nuancon kaj diferencigi inter akceptitaj ecoj de objekto kaj ecoj aljuĝataj al ĝi per aparta verbo kiel *igi, trovi, juĝi, opinii, kredi,* k.t.p.:

*La milito igis junajn homojn maljunaj, bonajn malbonaj kaj feliĉajn mizeraj. Ili suferis tiun kvarjaran turmentadon tiom kruelan, kiom nedeziritan. Ĉu vi ne opinias ĝin abomena? Jes, sed ĉu vi kredas militojn eviteblaj? — Kial ne? Se vi trovas ilin evitindaj, vi devas ĉion fari por igi la lastan la lasta.*

Per iom da kutimo, tiu nuanco baldaŭ « sentiĝas » kaj ne bezonas eĉ klarigon, facile forgeseblan.

Edm. P.

# Du Fratinoj

**Nacia lingvo — Esperanto.**

*Lulanta murmuro de kanto patrina,*
*Versetoj de fea fabelo,*
*Infanbabilado en voĉo senfina*
*Zumadas al mi en orelo.*
*Admono gepatra restinta en koro,*
*Junecaj ekkrioj de ĝojo kaj ploro :*
*Jen kio vi estas, muziko plej dia,*
*Ho lingvo nacia!*

*Perfekta vestaĵo de mia spirito,*
*En vi mi tuj hejme min sentas.*
*Per vi mi parolas sen ia hezito.*
*Kaj nur pri la senco atentas.*
*En vi — eĉ malbeno pli milde efikas.*
*Blasfemo l'orelon agrable nur pikas...*
*Por mia nacio vi estas kunligo,*
*Defenda limdigo.*

*Se foje deziras mi novhorizonton*
*Pli freŝan aeron por spiri,*
*Mi devas elekti ŝoseon kaj ponton*
*Por digojn de l'limoj trairi.*
*Kaj tiun orponton feliĉe mi trovis.*
*Artisto genia tra l'valo ĝin ŝovis.*
*Al koro de l'gentoj gi rekte kondukas,*
*Al amo edukas.*

*Mi transen alvenas kun hejmaj bukedoj*
*Ne kiel fremdulo, sed gaste.*
*Flarante l'odoron de fremdaj florbedoj*
*Mi ankaŭ spiradas pli vaste.*
*Kun ĝojo mi vidas la novan pejzaĝon*
*Kaj ĉie renkontas ridetan vizaĝon.*
*Kaj poste mi hejmen revenas feliĉa,*
*En amo pli riĉa.*

*Du belaj knabinoj gracie promenas*
*Tra l'parko de miaj deziroj.*
*Kaj ili fratine je l'mano sin tenas*
*Plej indaj de l'amo de l'viroj.*
*En ambaŭ egalan ĉarmecon mi trovas,*
*Kaj inter la du mi elekti ne povas.*
*Prefere por ambaŭ do kresku la floro*
*De mia laboro!*

Elmer SIXAY.

# TRA LA MONDO ESPERANTISTA

## Esperantaj Pripensoj

Tiuj, kiuj — dank' al nia propagando — lernas aŭ intencas lerni nian lingvon, tiuj, kiujn ni varbas, havas la rajton postuli de ni la garantion, ke nian ligvon oni ne ŝanĝos, kiel oni ne ŝanĝas la anglan, la francan, la germanan aŭ iun ajn alian instruotan lingvon. Honestaj propagandistoj, tiun certigon ni ŝuldas al ili, tial ke internacia lingvo ne estas por ili celo sed ilo, kiun ili tute prave deziras uzi kaj utiligi.

La angla, la franca, la germana lingvoj, kiel ĉiuj vivantaj, t.e. uzataj lingvoj, evoluas senrompe. Same Esperanto, vivanta, uzata lingvo, senrompe evoluas kaj evoluos, kvankam praktike la sama morgaŭ kiel hodiaŭ, la sama en Anglujo kel en Francujo, en Germanujo kaj en ceteraj landoj.

Internacia lingvo, kontrakto inter la uzantoj, estas sekve multe pli socia ol pure lingva problemo. La perfekteco kuŝas ne en enkonduko de pli malpli dubaj plibonigoj, ĉiam diskuteblaj, sed en la plena unueco de la samlingvanoj, de la adeptoj.

Konservativuloj ni do estas, ĉar homoj progresemaj, kiuj konstatinte la plenan taŭgecon de la ilo, volas ĝin konservi, ĝin vivigi per tuja uzado kaj — ne perdante sian tempon, siajn fortojn en vana, frivola, senfrukta, senfina serĉado — senlace propagandas ĝian uzon por grava, socia, internacia rolo, kiun ĝi celas.

Ĉion tion ĉi, eble pli instinkte ol konscie, komprenis la disĉiploj de Zamenhof. Per sia disciplino ili certigas kaj certigos la finan sukceson.

***

Ĉi tiuj ideoj gvidis de la komenco mian agadon sur la kampo de internacia lingvo kaj ĉiam pli klare, ĉiam pli energie ili sin altrudis al mia sipirto, mi aldonos al mia koro, al mia esperantista konscienco. Ilin mi fidele defendis ne kiel miajn, sed kiel nepre devenantajn de l'koncepto, de l'penso de nia Majstro, kiu celis antaŭ ĉio la homaran bonon per komuna lingva ligilo.

Esperanto estas vere io tute alia ol interesa ludilo por eĉ tre kleraj lingvamantaj diletantoj. Ilian riproĉon pri « fanatika, blinda konservatismo » ni povas akcepti kun supera, trankvila indiferenteco. Nin ĝi ne atingas.

Ni firme iru nian rektan vojon! Th. CART.

*Parizo, la 31. de Marto 1930, je la 75-jara datreveno de mia naskiĝtago.*

## Interesa novaĵo pri Liĥtenstejno

La registaro de l'Princlando Liĥtenstejno decidis aperigi serion da poŝtkartoj oficialaj kun bildoj de tiu ĉi pentrinda lando kaj klariga teksto. Kiel novaĵon oni povas rimarki, ke la teksto estos en germana lingvo kaj en Esperanto; tio lasta okazas por altiri la intereson de turistoj en la tuta mondo al la lando. Ĝia situacio inter Svislando kaj Aŭstrio apud tre frekventata vojo de internacia komuniko, faciligas la viziton.

Ni povis jam mallonge informi pri tiu ĉi afero. Post forigo de kelkaj malhelpaĵoj teknikaj kaj aliaj, la poŝtkartoj nun rapide eliros.

Ni varme rekomendas al niaj legantoj disvastigi tiun ĉi informon kiel eble plej multe por havigi impresan pruvon pri la uzebleco de Esperanto por reklam-celoj. La titolo de la novaĵo povas esti adaptata laŭ bezono por la koncerna organo.

Ĉiujn gazetojn kaj gazeteltranĉaĵojn bonvolu sendui tuj post apero en 2 ekzempleroj al la *Internacia Centra Komitato* de la Esperanto-Movado 1, Tour de l'Ile, Genève. — Atentu pri prciza adreso de la Komitato.




**Bulteno No. 6.**

*Adreso por leteroj:* Sekretario, 22a Universala Kongreso de Esperanto, 142 High Holborn, London W.C. 1, Anglujo.

*Kotizo:* Por ĉiu kongresano senescepte: 20 ŝilingoj britaj (proksimume 20 germanaj ormarkoj ,25 svisaj frankoj, 125 francaj frankoj, 12 nederlandaj guldenoj, 5 usonaj dolaroj). Post 1a de Julio la kotizo estos 30 ŝilingoj. Aliĝu jam nun kaj helpu la laboron de la L.K.K.

*Kotizo por Infanoj:* Por infanoj, kiuj ne havas pli ol 15 jarojn, la kotizo estas 5 ŝilingoj britaj.

*Help-Kongresanoj:* Tiuj, kiuj ne povas ĉeesti la Kongreson, povas tamen aliĝi kiel help-kongresanoj po 10 ŝilingoj. Ili ricevos la kongres-insignon kaj dokumentojn post la Kongreso.

*Blinduloj:* Blinduloj kaj ties gvidantoj ricevos kongres-karton senpage, sed iliaj aliĝoj devas esti aprobitaj de S-ro W. P. Merrick (adreso: Penso, Shepperton, Middlesex, Anglujo).

*Donacoj:* La L.K.K. volonte ricevos donacojn por helpi al plena sukceso de la Kongreso. Jam ricevita £4: 10ŝ: 6p.

*Blindula Kaso:* La L.K.K. plezure ricevos donacojn per ebligi, ke blinduloj partoprenu la Kongreson. Jam ricevita por tiu celo: £40: 3ŝ: 3p.

*Kongreslibro:* La L.K.K. esperas dissendi la kongreslibron al ĉiu kongresano je la fino de junio.

*Fervojrabato:* Ĉiu kongresano ricevos rajtigilon por revenbileto, de iu ajn brita fervoja stacio aŭ haveno al Oxford, po unudirekta prezo plus triono. Zorge notu, ke tiu privilegio validos nur de la 1-a ĝis la 11-a de aŭgusto, kaj nur por reveno al la deira urbo.

*Glumarkoj:* Belaj kongresaj glumarkoj (kiujn desegnis S-ro W. H. Matthews, Radio-Dedaktoro de *International Language*, estas haveblaj ĉe la kongres-oficejo. Prezo por cent, unu ŝilingo brita.

*Somera Universitato:* Generala temo—« Lingvo kaj Vivo. »

Provizora Programo:

Lundo, 4 aŭg.: 2.30 ptm. Oficiala Malferme. « La nekonata Mozart » (kun muzika ilustro). S-ro P. Bennemann.

Mardo, 5 aŭg.: 2.30 ptm. « Internacieco en la vortaro de konstruita lingvo; ĝiaj utiloj kaj limoj. » Prof. W. E. Collinson, M.A., Ph. D.

3.45 ptm. « Pri la evoluo en la lingvoj. » Prof. T. Cart.

Merkredo, 6 aŭg.: 2.30 ptm. « La Elementoj de la eŭropa vort-trezoro. » Prof. B. Migliorini.

3.45 ptm. « Evoluo de la poezia lingvo Esperanto. » D-ro K. de Kalocsay.

*Statistiko.* — Anglujo, 271; Aŭstrujo, 1; Belgujo, 12; Ĉeĥoslovakujo, 1; Danujo, 2; Francujo, 15; Germanujo, 46; Hispanujo, 1; Hungarujo, 5; Irelando, 1; Italujo, 4; Japanujo, 1; Jugoslavujo, 3; Kimrujo, 4; Nederlando, 14; Polujo, 15; Saar-Teritorio, 2; Skotlando, 35. Svedujo, 2; Svisujo, 2; Usono, 2. Entute, 439 el 21 landoj.

(*Int. Language*, Majo.) C. C. GOLDSMITH, *Sekretario.*

## En kelkaj linioj...

*** Pri evidenta eraro atentigis nin, S-ro G. Facchi, Delegito por Eksterlando de la Itala Esperanto-Movado. Ni komunikas tiun informon:

« Je paĝo 138 de la *Bibliografio de Internacia Lingvo* estas menciata, ke la germana lingvo estas popola lingvo en Germanio, Aŭstrio, Svislando... Trento. k.t.p. Fakto estas ke Trento estas entute itala urbo. Dum la aŭstria regado la parolata lingvo de la loĝantaro kaj de la komunumo estis la itala. »

*** Esperanto multe progresas inter la saksa instruistaro. 400 membroj apartenas al la Esperanto-Asocio de Saksaj Geinstruistoj. Dum la vintra duonjaro 180 pluaj geinstruistoj lernas Esperanton en 14 kursoj. Por tiu celo la Ministerio por Popolklerigo denove donis RM 500.—, la Saksa Instruista Asocio RM 400.—. En multaj urboj kaj vilaĝoj Esperanto estas instruata en la lernejoj. Ankaŭ en la Pedagogia Instituto de la Altlernejo Dresden ĝi estas laŭvola fako. La abonantaro de la faka gazeto Pedagogia Rvuo kreskas konstante.

*** La Universala Esperantista Pacifista Ligo, kies tasko estas interligi per Esperanto ĉiajn porpacajn elementojn, vo as rilati kun kiel eble plej multaj ne-esperantistaj kaj esperantistaj pacifistaj kaj similaj unuiĝoj.

Laŭ decido en la kunveno de UELP dum la Budapesta Kongreso oni ĉiujare aranĝu indan manifestacion por interpopola interkonsento. Tial ni alvokas ĉiujn UEPLiganojn, kiuj ĉeestos la Kongreson en Oxford, jam nun klopodi ke tie okazu sukcesplena manifestacio. Ni petas: *aliĝu grandamase!*
ĉar nur la amaso povas certigi la sukceson. La minimuman kotizon de unu germana marko aŭ de egalvaloro pojare ĉiu povas pagi. Monsendojn al:

Oskar Fraenkel, Charlottenburg 4, Krummestr. 58 (Germanujo) poŝtĉekkonto: O. Fraenkel, Berlin 130518.

---

## Kunveno de IALA

Sub gvidado de S-ino Morris kaj Prof. Jespersen IALA (International Auxiliary Language Association in the United States) invitis eminentajn lingsvistojn al kunveno okazinta 20. Marto-2. Aprilo 1930 en Hotel Carlton en Genève, por diskuti estontan programon de lingvaj studoj de IALA. Ĉeestis lingvistaj profesoroj Bally, Collinson, Debrunner, O. Funke, E. Hermann, Karĉevski, Potter, Séchehaye kaj aŭtoroj aŭ partianoj de diversaj mondlingvoj De Wahl (Occidental), de Saussure (Nov-Esperanto), Auerbach (Ido), Zeidler (Novial), D-ro Dietterle, Stojan kaj Perrenoud (Esperanto), Prof. Peano (Torino) kaj Prof. Yuŝmanov (Leningrad) ne povis partopreni pro rifuzo de pasportoj. Ankaŭ forestis D-ro Privat, afable invitita, sed ne akceptinta. La Konferenco decidis fondi revuon por studi bibliografion, gramatikon, sintakson, leksikografion, psikologion de lingvoj, k.t.p., laŭ scienca vidpunkto ekster ĉiu polemiko kaj konkurado de la diversaj sistemoj.

Post kvardek jaroj fine lingvistoj ekinteresiĝas pri mondlingvo dank' al S-ino Morris, sed kompreneble ili ankoraŭ malfruas en sia vidpunkto. Nun ili ekzamenas teorion, dum la vivo jam de longe fluis antaŭen. La vera kampo de scienca studado pri mondlingvo *nuna* estus ekzameni kiel funkcias praktike la lingvoj, ne proponataj, sed uzataj por internaciaj rilatoj. Kiel sukcesas respektive angla, franca aŭ esperanta lingvoj, kiam parolataj kaj aŭdataj de diversnacianoj en ia kongreso aŭ konferenco? Jen unu el la problemoj, kiuj meritus studon de IALA.

## Esperantista vivo

**Naskiĝoj.**

Al Ges-roj Otto kaj Manka Ginz, Delegito de UEA en Praha, naskiĝis filino Eva.

**Fianciĝo.**

Fred. E. Wadham, Prezidanto de la Londona Esperanto-Klubo kaj membro de la L.K.K. por la XXIIa, kun F-ino Violet Morris, Komitatanino de la Klubo.

**Edziĝoj.**

S-ro Josef Suchy, Delegito de UEA en Sliaĉ Kupele, Ĉeĥoslovakio, kun F-ino Štefania Čermák, 1.3.1930.

S-ro René Renault, Membro de UEA en Dijon, kun F-ino Marguerite Baudouin.

**Honorigo**

S-ro Pietro Rizzo, delegito en Messina, ricevis la gradon de jura doktoro ĉe universitato en Catania, kun laŭdo.

## Niaj Mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al la familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

### DE MENIL

Tempo kuras homoj forpasas. La pionira armeo de l'Esperantismo malgrandiĝas. Post Sinjorino Hankel, Generalo Sebert, jen foriris Félicien de Ménil, 28an de Marto, 69 jaraĝa. La Esperantistoj kantantaj la himnon, aŭtomate memoras, ke la melodion komponis Barono de Ménil, ideriĉa muzikamanto. Sed apud tiu ĉi merito estas alia multe pli granda. De Ménil apartenas al la aro da pioniroj francaj kiuj depost 1900 starigis tiun movadon, pri kiu ni hodiaŭ nur devas miri. Vero estas, ke la apogo de la firmo Hachette multe, ja tre multe, kontribuis al la intereso, kiun renkontis Esperanto en Francujo. Sed sen tiuj aktivaj pioniroj apartenantaj al la alta socia klaso, Esperanto ne estus renkontinta tiun apogon.

Barono de Ménil estis ĉefredaktoro de « La Revuo », aperinta de 1906 ĝis 1914 ĉe firmo Hachette kaj kies ruĝaj kajeroj estis sopire atenditaj ĉiumonate de la esp. literaturamantoj. Krom tio li redaktis la gazeton « Franca Esperantisto » kaj plie la « Adresaron de la Esperantistoj », dikegan libron kun unuopaj adresoj de esperantistoj kaj utilaj informoj pri la movado. Mire ni hodiaŭ rigardas tiujn eldonaĵojn kaj maldolĉe devas konstati, kiom efektive malriĉiĝis Eŭropo. Tiajn eldonaĵojn neniu organizaĵo riskus eldoni nuntempe.

La entombigo de Barono de Ménil okazis en Neuilly. Funebran parolon eldiris Sinjoro Couteaux, Generala sekretario de la Frnaca Societo, en kiu li citis la esp. vivon de la forpasinto. Kantante la himnon okaze de kongreso dum la nuna jaro la esperantistoj memoru la komponiston de la melodio, tiom bonsona kaj kuraĝiga.

---

Nia fervora Delegitino en Dijon, S-ino Marthe Petit havis la malfeliĉon perdi amatan patrinon, Sinjorino Nolotte, post longa malsano.

*Sinceran kunsenton !*

## Bibliografia Servo de UEA

# Novaj libroj : 1930

De nun la Bibliografia Servo de UEA publikigas la liston de la aperintaj verkoj dum la jaro laŭ kutima maniero, aldonante sinsekvan ciferon, por formi statistikon de la eldonitaj esperantaĵoj. La recenzo aperas iom pli poste sub la rubriko « Tra la Libraro ».

---

*The Esperanto Diary* 1930. British Esperanto-Association London, W.C. 1. — Presis: Vacher & Sons Ltd, Westminster, 172 p. 10 × 7,5 cm. — Prezo: 1 ŝil. 8 pencoj. (1930-1)

*Schwartz Raymond:* Verdkata Testamento. Dua eldono. Deponejo: Esperantista Centra Librejo, Paris. Presis: J. Solsona, Paris. 124 p. 16,5 × 12,5 cm. — Prezo: 10 Fr. Frk. (1930-2)

*Ejdelman B. & N. Nekrasov.* Sennaciismo kaj Internaciismo. (Komunista Biblioteko). Deponejo: Sovetrespublikara Esperantista Unio, Spiridonovka 15, Moskvo, aŭ R. Lerchner, Colmstrasse 1, Leipzig. Presis: Internacionalnaja Tipografija Mospoligraf Moskvo. 2.000 ekz. 48 p. 16 × 12 cm. Prezo: 25 kopek. (1930-3)

*Privat, Edmond, D-ro.* Kursa Lernolibro. Laŭ praktika parola metodo. Sepa eldono 31-40 milo. Esperanto Verlag, Friedrich Ellersiek, G.m.b.H. Berlin S.W. 61. — Manuldruck von F. Ullmann, Zwickau Sa. 78 p. 16 × 11,5 cm. — Prezo: 0.80 RM. (1930-4)

*Sazonova E.* Kratkie Svedenija ob Esperanto. (Mallongaj informoj pri Esperanto). — En rusa lingvo. — Eldono de Centra Komitato de Sovetrespublikara Espenratista Unio, Moskvo. — 15.000 ekz. 21 p. 14 × 10 cm. Prezo: 8 kopekoj. (1930-5)

*Kenngott A.*, Kenngott's Esperanto Course. — Internacia Eldonejo. The E. L. Steck Company, Austin, Texas. Printed in U.S.A. 180 p. 17 × 10,5 cm. (Bindita). Prezo: 1 U.S.A. dolaro. (1930-6)

*Long, Bernard B. A. (Camb).* — Esperanto: Its aims and Claims. A discussion of the Language Problem and its Solution. The Esperanto Publishing Company Ltd., London. Printed by the Botolph Printing Works, Gate Street, London W.C. 2. — 62 p. 18 × 12,5 cm. Prezo: 6 pencoj. (1930-7)

*Sennacieca Asocio Tutmonda:* Jarlibro 1929-1930. 8/9a Jaro. 235 p. 16,5 × 12,5 cm. — Nur por membroj de SAT. Administrado: Colmstrasse 1, Leipzig 0.27. — Presis: Peuvag, Druckerei Filiale Leipzig. (1930-8)

*Internaciaj konvencioj pri Fervojaj,* person-pakaĵ- kaj fretaj trafikoj. Tradukis: J. Rebiĉek. Eldonis: Moraviaj Esperanto-Pioniroj, Olomouc. (Plimultigo per skribmaŝino, 200 ekz.). — 241 p. 16 × 20,5 cm. Prezo: 30 kĉ aŭ 4,50 Frk. (1930-9)

*Ibsen Henrik.* Imperiestro kaj Galileano. Mondhistoria teatraĵo. Tradukis: H. J. Bulthuis, L. K. Rekomendita de Esperantista Literatura Asocio. W. J. Thieme & Cie, Zutphen, Nederlando. 276 p. 23,5 × 15,5 cm. — Prezo: 3,50 Guldenoj. Bindita: 3,90 G. (1930-10)

*Kökeny Lajos.* Magyar Eszperantó Evkönyv. I. Evfolyam. 1930. Budapest 1930. A Hungara Heroldo, Folyóiray Kiadása. Presis: Neuwald Illés utodai, Budapest VIII, Ullöi ut. 48. 32 p. 23 × 15,5 cm. Prezo: 1 Pengo. (1930-11)

*Dormanns, Alfred.* Handbuch des Esperanto. Ein Buch für Selbstunterricht Rundfunk und private Kurse. In fünf Teilen. Mit einem Bild des Verfassers. Verlag (und Druck) Heroldo de Esperanto, Köln am Rhein. 1930. 320 p. 19,5 × 13 cm. — Prezo: 6.— Germ. Mark. (1930-12)

*Neue Wege für die Verkehrswerbung.* Herausgegeben vom Esperanto-Weltbund (UEA, Sitz Genf). — Verkehrsdienst Zweig Deutschland. Dresden N. 6. Fach 10. Presis Paul Göring, Magdeburg. 24 p. 16,5 × 12 cm. (1930-13)

*Molière.* La Mizantropo. Komedio en kvin aktoj. El la franca lingvo tradukis Profesoro H. Boucon. Esperantista Centra Librejo, Paris. Presis A. Granchamp, Annemasse, Haute-Savoie. 104 p. 18 × 12 cm. Prezo: 10 fr. fr. (1930-14)

*Fruictier, Paul.* Kompleta Gramatiko kaj Vortfarado de Esperanto, reviziita kaj kompletigita de S. Grenkamp-Kornfeld. Eldonejo: Esperantista voĉo, Jaslo, Pollando. Presis Belga Esperanto-Instituto, Antwerpen. 187 + V pp 22 × 15 cm. Prezo: 5.— Frk. svis. (1930-15)

*Engholm, Stellan.* Al Torento. Originala Novelo. — Eldonis kaj presis: Heroldo de Esperanto, Köln am Rhein 1930. 94 p. 20 × 13,5 cm. Prezo: 1,50 Germ. Mark. (1930-16)

*Stockholm, Svedlando.* La Stockholma Ekspozicio 1930. Faldprospekto, kolora kun bildoj. 20,5 × 10 cm. (1930-18)

*Wüster, Eugen.* Enciklopedia Vortaro Esperanta-Germana. Kvara parto. 152 p. 25 × 17,5 cm. — Eldonejo: Ferdinand Hirt & Sohn, Esperanto Fako, Leipzig. Presis Breitkopf & Härtel, Leipzig. Prezo: 15 Germ. Mark. (1930-17)

*Herben, Jan D-ro.* Malriĉa knabo kiu gloriĝis. Tradukis T. Mrázkova kaj B. Pittner. Eldonis Moraviaj Esperanto-Pioniroj, Olomouc 1930. 136 p. 19,5 × 14,5 cm. — Prezo: 16 kĉ aŭ 2,50 Frk. svis. (1930-19)

*Krestanoff, Ivan H.* Esperanto-Bulgara kaj Bulgara Esperanta Vortaro. Kun antaŭparolo de Prof. D-ro St. Mladenov. Kun fundamenta gramatiko. Aprobita de la ministerio de publika instruado. Tria refarita kaj pligrandigita eldono. 6-10a milo. Izdava: Bulgara Esperantista Biblioteka, Sofia 1930. 304 p. 16 × 12 cm. Prezo: 75 Lev. = 4 Frk. sv. (1930-20)

---

# ONI DANKAS

Okaze de vojaĝo en Haute Savoie kaj restado en Genève dum somero 1929 mi ĝis laŭdindan akcepton kaj helpon de S-ro Pion (Del. en Sallanches), de la Centra Oficejo de UEA, precipe de ĝia Direktoro kaj de S-ino kaj S-ro Robert Kreuz, Ĝenerala Sekretario de I.C.K. Koran dankon!

D-ro Döhler, Riesa (Germanl.).

*** S-ro O. Ginz, Delegito en Praha dankas sincere la Delegitojn S-rojn Bondix en Amsterdam kaj Harabaĝiu en Bucuresti por la rapide faritaj gravaj komercaj servoj.

*** S-ro Barnier el Metz, tutkore dankas la esperantistojn de la klubo de Leipzig por la agrablaj horoj pasitaj kun ili la 3an de Marto. Li dankas speciale al S-ro D-ro Dietterle kaj F-ino Wunderlich por iliaj informoj rilate la foiro de Leipzig.

*** S-ro St. Minkov, teknika profesoro, komitatano de UEA, Sofia esprimas koran kaj sinceran dankon al S-ro Marseille, ĉefdelegito en Paris, kiu post longa kaj obstina klopodo havigis al mi precizajn kaj maloftajn desegnaĵojn teknikajn kaj lernolibrojn tute ne haveblajn alimaniere.

*** S-ro Tiberio Morariu, rumana ĉefdelegito de UEA, varme dankas al S-ro Erik Holmström, Delegito de UEA kaj al S-ino Ebba Holmström ambaŭ en Enköping Svedlando por afabla gastigado dum libertempoj somera kristnaska kaj paska.

# ALVOKOJ

La Generala Direktoro de Poŝtoj kaj Telegrafoj de Argentino, S-ro. D-ro. Antonio S. Amallo organizis informejon por frenduloj ĉe la ĵus konstruita palaco de poŝta kaj telegrafa direkcio, en Buenos Aires. Ĉi tiu « Salono por fremduloj » (« Hall de extrangeros ») lokas ĉe grandega ĉambro en la dua etaĝo de la palaco.

Muraj tabeloj kun statistikaj grafikoj montras al publiko la staton de la lando. Komfortaj apogseĝoj ĉirkaŭas grandegajn tablojn sur kiuj kuŝas je la dipono de l' publiko revuoj, ĵurnaloj, jarlibroj, gvidlibroj, k.t.p. Dank' al klopodoj de Argentina Esperanto-Asocio, esperanta gazetaro sin trovas inter publikigaĵoj ĉiulingvaj. Estas petata al ĉiuj redaktejoj de esp. gazetaro sendi senpage ekzempleron al nomita servo, sub la jena adreso; Direkcio Generala de Poŝtoj kaj Telegrafoj, « Hall de Extranjeros », Buenos Aires, Argentino. (Represo en esp. gazetaro estas petata).

---

La 22an de Marto okazis en Amersfoort kunveno de Protestantaj Kristanoj, por fondi nederlandan unuiĝon, kiu celas propagandi kaj disvastigi Esperanton, inter la samrelegianoj kaj utiligi ĝin por ĉiuj kristanaj celoj.

La Unuiĝo estas bazita sur la konfeso, ke Jesuo Kristo, laŭ la Sankte Biblio, la unue naskita Filo de Dio, estas la sola Savinto de la mondo.

Samrelegianoj en la tuta mondo, kiuj simpatias kun bazo kaj celo de ĉi tiu Unuiĝo, estas petataj, sciigi sian adreson al la Prezidanto: H.C. van Leeuwen, Lernejestro, Wijhe, Holando; aŭ al Sekretario: L. Woudenberg, Hildegondestr. 25, Bussum, Holando.

---

Ĉe la Internacia Skolta Jamboreo, kiu okazis en Aŭgusto 1929 apud Birkenhead, estis evidentega neceso por Helpa Lingvo. La *Skolta Esperantista Ligo* okazigis tendaron en Arrowe Park kaj disdonis preskaŭ 20,000 folietojn kune kun centoj da ekzempleroj de speciala eldono de ĝia revuo « Skolta Heroldo », kaj tiel interesis grandan nombron da Skoltoj pri Esperanto.

La membraro de la Ligo estas nun 600 Skoltoj el 30 diversaj nacioj kaj, sekve de la propagando ĉe la Jamboreo, granda intereso vekiĝis. Pro tio ni nun *Devas* plivastigi nian propagandon. Tiucele la Centra Komitato de la Ligo decidis akiri la sumon de £ 400 kiel Kapitalon por estonta propagando.

Depost la fondo de la Ligo, oni sekvis plej konserveman financsistemon. Uzante la plej severan ekonomion, la komitato sukcesis elspezi laŭ la enspezoj. Tiel, nur la minimuma propagando estis ebla. Vidante la nunan urĝan bezonon kaj por estonte eviti oftajn petojn al membroj kaj amikoj, oni decidis akiri la Kapitalon de £ 400.

Por sekvi sian prudentan financsistemon, la Komitato decidis, ke ĉiuj sumoj ricevataj pro la Kapitalo elmetiĝos en obligacioj Guberniaj, kaj ke nur la interezo estos uzata. Kiam la tuta sumo kolektiĝos, oni ricevos jaran sumon, kiu preskaŭ sufiĉos por la Liga propagando, kaj la saldo fariĝos el jarkotizoj de membroj. Tio estos senduba plibonigo de la nuna sistemo, per kiu la Ligo devas konstati la sumon disponeblan antaŭ ol entrepreni ian propagandon. Tial, ni skize montris la urĝan neceson por ĉi tiu alpeto. La membraro de la Ligo konsistas precipe el Skoltoj, kiuj ne povas donaci multe por propagandkostoj, sed kiuj helpas kiel eble plej multe. Petante la plej malavaran helpon, kiun legantoj povas doni, la Komitato certigas, ke ĉiuj donacoj estos danke ricevataj kaj fidele uzataj.

La Kasisto senpere avizos pri ricevo de donacoj kaj ili ankaŭ publikiĝos en la Liga Revuo « Skolta Heroldo ».

D.H. Davis, Kasisto, 23 East Dulwich Grove, Londono, S.E. 22, Anglujo.



# Korespondado

*Interŝanĝo de objektoj*

*Amsterdam* (Nederlando). — S-ro N. A. Zilver, Damrak 95, PM (Malakceptas bagatelaĵojn.

*Auckland* (New Zealand). — S-ro Ante Antunovich, G.P.O. L, PK, PM. K.ĉ.l.

*Auckland* (New Zealand). — S-ro Marko Vlahovich, G. P. O. L, PK, k.ĉ.l.

*Bakov nad Jizerou* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Frant. Pytloun, Del. UEA serĉas por siaj gekursanoj PI koresp. Certe respondos.

*Beglеĵ* (Bulgar. Plevensko). — S-ro Stojan Vasilev, instruisto, PI, gaz., k.ĉ.l. Koresp. en Esp., germ., fr., angle kaj itale.

*Braunaŭ a/Inn* (Aŭstrio). — S-ro Franz Pscheidl, ŝofero, Personalhaus 20 j. fraŭlo, P. J. kun k.ĉ.l. (nur fraŭlinoj).

*Braunaŭ am Inn* (Aŭstrio). — Zeughausplatz 2/I/7, f-ino Käthe Haselbauer, V.D. de UEA, Esp. instruistino, Esp. kaj germ. poetistino, P. J. L. kun komponistoj kaj profesoroj el ĉiuj landoj pri arto kaj scienco.

*Braunaŭ am Inn* (Aŭstrio). — S-ro Oswald Joh. Haselbauer, D. de UEA, PI. L. pri ĉiu ajn temo.

*Breclav* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Miroslav Hlaviĉka, serĉas korespondantojn por kvar gimnazianoj PI, PM, k.ĉ.l.

*Brno-Husovice* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Eduard Bêlohoubek, Soběšická 5, poŝtoficisto PI, PM. k.ĉ.l. (Laŭ Yvert 1930) kun fidindaĵ filatelistoj. Ĉiam respondas.

*Brno-Královo Pole* (Ĉeĥoslov.). — S-ino D. Šemberová, Palackého 115, L. k.ĉ.l. pri sociala situacio de la virino ĉ.l.

*Brüx* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Josef Beller, Teplitzerstr. 37, PM. kun seriozaj kolektantoj, PI.

*Budapest* (Hungarlando). — S-ro György Kurták, komerclerneja studento, IX., Viola-u. 35, deziras interrilati kun mezlernejaj studentoj ĉ.l. por krei organizon.

*Budapest*. — S-ro József Mohácsy, studento II. Napos ut. s., PI, k.ĉ.l. junuloj.

*Diĉin* (Bulgar., Tirnovsko). — S-ro Boris P. Tonev, L, PI, k.ĉ.l. Nepre respondas.

*Doganovo-Konare* (Bulg. Pazarĝiksko). — Ge-sroj Stefan — Kina Boevi, L., PK, k.ĉ.l. pri temoj variaj.

*Falkenau-Kittlitz* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Rudolf Elstner, Del. UEA serĉas korespondantojn por siaj gekursanoj 15-25 jaraj.

*Khandallah* (New Zealand). — S-ro J. Sneddon, Mandalay Terrace. Pri la politiko, L, PK, k.ĉ.l.

*Komarno* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Julio Havas, L., PK., nur kun seriozaj gekorespondantoj k.ĉ.l.

*Kispest* (Hungarlando). — S-ro Vilmos Kassiczky, Ibolyá-u. 6. esp. gaz. k.ĉ.l.

*Louky nad Olzou No* 42 (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Paŭlo Bartulec, PI, bfl, k.ĉ.l. Certe respondos ĉiam.

*Mährisch-Neustadt* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Franz Holeŝinsky, Delegito de UEA, Müglitzergasse 45, PI, Gaz. k.ĉ.l.

*Mazeikiai* (Litovio). — S-ro D. Delatickas, PI, prefere kun f-inoj ĉ.l. Tuj kaj ĉiam respondas.

*Montevideo* (Urugvajo). — S-ro Julio Miguel Gunnovart, Str. G-ral Gregorio Suarez 2739. PK kaj insignoj por la butontruo k.ĉ.l.

*Myslowice* (Polujo). — Kelkaj UEA-anoj dez. koresp. k.ĉ.l., PK, PI, Esp.-aĵoj. W. Jamrozy, ul. Oderskiego 3. II.

*Novisad* (Jugoslavio). — F-ino Anda Kujavic, Grĉkoŝkolska 10, L, PK pri lakt-ter-abel- kaj kokinkulturado, amatora fotografado, sociaj temoj kun Eŭropo, Ameriko.

*Oberlaa bei Wien* (Aŭstrio). — S-ro Hans Steiner, studento, Plankengasse 11, PI, L.

*Oviedo* (Hispanujo). — S-ro Nicanor Torano Ardura, Fuertes Acebedo, 32-3. PM, k.ĉ.l. Respondo garantiata.

*Palermo* (Italio). — S-ro Francesco Pantaleone, Via Roma 175, por Esp. Grupo serĉas korespondantojn en ĉiuj landoj.
*Pardubice* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Josef Svaton, Karlova 73, oficisto, nur PI, bfl, PM (nur en rekom. L, ne sendas unue) naciaj flagetoj 10 × 26 (nur en rekom. leteroj) k.ĉ.l. Respondo garantiata.
*Port Francqui* (Belga Kongo). — S-ro G. Gézéquel, C.B. C.O., Franca Esperantisto dez. koresp. kun germanaj gejunuloj, anoj de Naturistaj Asocioj.
*Potŝtejn* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Inĝ. L. Berger, kolektas adresojn por BES adresaro.
*Prachatice* 144 (Ĉeĥoslov). — S-ro Jan Ŝimánê, PM (ĉiam almenaŭ 50 malsamajn!)
*Praha-II.* — S-ro Rudo Scholzs v Tůních 8 c/o Maggi PM k.ĉ.l. donas Bosnio, ĈSR (jubil.) PI bfl.
*Szombathely* (Hungario). — S-ro Johano Jarisch Uzletvezetöség, fervojoficisto, orkestrestro, PI., specialaĵojn naciajn, precipe el Italujo, Hispanio, Finnlando, Turkio, Afriko, Aŭstralio, Ĥinujo, Indio.
*Szombathely* (Hungario). — D-ro Halmágyi Géza, Király u. 35, interŝanĝus precizan karton geografikan landan aŭ interesan regionan de ia lando.
*Salzburg* (Aŭstrio). — F-ino Liddy Watzinger, Mozarteum, muzikstudentino, 19 j. P.J. kun sinjoroj, k.ĉ.l.
*Saratov* (U.S.S.R.). — S-ro K. Soloŝek, Krapivnaja 38, kv. 5. PI, ĉiam respondos.
*Tempeh O. L.* (Javo, Via Loemadjang). — S-ro Ong Thian Tong, L., PI., Esp. aŭ angle nur kun ĉinaj gesinjoroj aŭ gefraŭloj en Ĉinujo. Certe respondos.
*Uniĉov* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Alois Fiŝa, Kostelnî námêstí, PI, bfl. k.ĉ.l. krom Germ., Pol., Rum., Hung., Aŭtrio.
*Warrington* (Brit. Lancs.). — S-ro F.-L. Martin, « Belvoir » Stanley ave., Gr. Sankey, sendos gazetojn, esp.-aĵojn, PI., k.t.p. kontraŭ sovetaj PM.
*Weisskirchen a. Neisse* 143 (Ĉeĥoslov.). — S-ro Arthur Quaiser, PM laŭ Michel 1930 k.ĉ.l. Ĉiam respondas.
*Wellington* (Nov-Zelando). — S-ro A. Babbich, P.W.D. Camp, Takapau, Johnsonville; PI., k.ĉ.l.
*Wellington* (Nov-Zelando). — S-ro Wm. McGuigan, 119a Kelburn Parade, Kelburn. PI. ĝeneralaj vidaĵoj, k.ĉ.l. Nepre respondos.
*Zaragoza* (Hispan.). — Frateco, Esperantista societo, Str. Roda 14, L., PI., k.ĉ.l. Nepre respondos.
*Zaragoza.* — S-ro Luis Asencio Gimeno, Veronica 23-3-0. PM., PI. gaz. il.
*Zlonice* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro V. Faigl, juristo, PM laŭ Yvert Michel. Certe respondas.
*Zwolle* (Nederlando). F-ino Jacobs, Oosterlaan 12, P.M. k.ĉ.l.



# Petoj kaj Proponoj

### INTERNACIA KOMERCO

*Aĉeto kaj vendo.* — Serĉataj: Kristaloj, meteoritoj, konkoj, laboraĵoj de indiĝenoj, antikvaĵoj. Oferataj: Gravuraĵoj, ceramikaĵoj, portretoj, pejzaĝoj-pentraĵoj Malmultekosta vendo de oferataĵoj. Reiser, Kunstmaler-Artpentristo, Mendelssohnstrasse 20, Düsseldorf, Germanujo.

*Banko.* — La plej grava kungara banko eldonis prospekton en Esperanto, aliĝis kiel entrepreno al UEA, donas altan procenton por ŝpardeponoj, kontoj, hipotekbiloj en ora valoro. Petu ofertojn de la Ĉenerala Kreditbanko, Budapest, 507.

*Ĉiu esperantisto* aliĝu senprokraste al 9a eldono de BES adresaro. Postulu senpagan prospekton de l'eldonanto. Bohema Esperanto-Servo, Potŝtejn, Ĉeĥoslov.

*Etnografio.* — Mi deziras ricevi ĉiuspecajn etnografiajn verkaĵojn, ankaŭ pri la cigana lingvo. Ĉu ekzistas etnografia gazeto en Esperanto? mi intencas aperigi tian. Prof. Theodor Kovacs, Farkas I, u. 5.-a- Rákosszentmihály, Hungarlando.

*Emajŝildetojn*, stampilojn, ĉiaspecajn Stampilkusenojn kaj akcesoraĵojn liveras rapide kaj malkare. Robert Pfennigwerth, Hirschfelde (German. Sa.).

*Filatelisto* ŝanĝas hungarajn PM kontraŭ allandaj. Unua sendaĵo estas petata, Laŭ katalogo Michel. Ludoviko Vágó, Várna u. 3, Budapest VII.

*Filatelistoj.* — Vendas PM (Servajn, aerajn, bonfarajn), PK, maŝinŝtampaĵojn papermonon. K. Riess, Lauingen, Clemensstrasse 6 (German.).

*Filatelistoj.* — Sendu malsamajn PM de via lando kaj mi sendos estonajn kaj latvajn. El Germanujo nur Bavario, Virtembergo kaj okupaciajn. Bazo: Katalogoj Y & T kaj Michel. J. Löhmus, Poska t. 10, Valga, Estonio.

*Bibliotekaĵoj.* — Grave por Esp. grupoj kaj bibliotekoj havante duoblaĵojn, same maloftajn verkojn de famaj aŭtoroj, jarkolektojn. Mi povus oferi ilin interŝanĝe je aliaj objektoj, krom poŝtmarkoj. Eventuale vendo. Interesemuloj skribu al Ad. Oberrotman, Str. Krak. Przedm. 10, Warszawa, Pollando.

*Kanotvojaĝo* (Faltboot). — Mi serĉas spertan kanotiston por vojaĝo ĝis Rouen aŭ en Belgujo venontan someron, malkarege. Prefereble junulo ĝis 22 jaroj. Skribu tuj al S-ro Raven-Hart, 27 rue Solférino, Compiègne, Francujo (Oise).

*Kiu ĉeestos* internaciajn kongresojn de arkitektoj kaj de estintaj komerclernejanoj en septembro en Budapest? Sciigu jam nun al P. Balkányi, Budapest, VI., Hajós-u. 15.

*Por biblioteko.* — Mi intencas vendi mian kolekton de *Esperanto* N-ro 167 (Majo 1914) ĝis N-ro 352 Decembro 1920. Mankas nur N-ro 297, Majo 1925. La ĵurnaloj estas ĉiuj bone konservitaj kaj sen makuloj. Mi atendas proponojn. F. Müller, apotekisto, Lyss, Svislando.

*Prunto serĉata.* — Kiu samideano pruntus al mi dekmil Germ. markojn kontraŭ unua hipoteko je mia negoca domo aŭ rilatigi min kun bonhava samideano. Robert Pfennigwerth, Hirschfelde (Germ. Sa.).

*Speciala korespondado.* — Mi serĉas korespondadon kun ĉiuj landoj pri jenaj temoj: 1. Nuraĵoj kaj iliaj preparoj, naciaj manĝaĵoj kaj receptoj. 2. La kostoj de la nutraĵoj kaj la meza enspezo de la laboristaj kategorioj. 3. Malsanoj, higieno, popol-kuraciloj, medicino, aĝo kaj laborrilatoj de via nacio. Mi bezonas ĉi-tiujn dokumentojn por scienca laboro pri la temo: La saniga nutrado de la homo. Alfred Vogel, Reformhaus Ebersbach, Sa. German.

# ESPERANTO

Svisa Poŝtĉeko: Genève. I. 2310

**REDAKCIA INFORMO**

La redakcio resendas manuskriptojn se tio estas postulata de la verkinto. Lasta tago por aperi en la numero de la venonta monato estas la 15a sub la kutima rezervo de disponebla loko. Respondecas pri artikoloj ĝeneralaj la subskribinto, verkinto aŭ tradukinto. Pri la enhavo aŭ celo de reklamoj ni ne akceptas respondecon. Estas principe malakceptataj reklamoj kaj tekstoj kiuj povus malutili al la bonfamo de la Asocio kaj de ĝia gazeto.

La abonoj komenciĝas en januaro. Estas akceptataj nur tutjaraj abonoj. Simpla abono kostas 10 Frk. sv. sen favorprezoj. Aperintaj numeroj estas postsendataj.

**ADMINISTRA INFORMO**

Unu numero: 1.— Frk. sv. pagebla per respondkuponoj. Koresponda anonceto (maksimume dek vortoj) 1.25 Frk. Anonceto (Petoj kaj Proponoj) dek vortoj 2.00.

Reklamo: Tuta paĝo 200.— Frk. 1/2 paĝo 100 Frk.
1/4 paĝo 50.— Frk. 1/8 paĝo 25 Frk.
1/16 paĝo 12.50 Frk. 1/32 paĝo 6.25

Rabato ĉe plurfoja enpreso de sama anonco laŭ interkonsento. Al makleristoj rabato de 20 %. — UEA: Simpla membreco 5.— Frk. Kun la gazeto ĉe samtempa aliĝo 12.50 Frk., Subtenanto: 25 Frk. sv., Dumviva Membro: 300 Frk. sv.

L'IMPRIMEUR-GÉRANT : A. GRANCHAMP, 2, RUE DES USINES, ANNEMASSE